# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* **№ 1 (44) februaro 2008**



***en la numero***



***Moskvo, 2008***

# *enhavo:*



**AVERTO:**

*tiu ĉi numero de REGo estas la lasta, kiun ricevos ĉiuj abonantoj-2007. La sekva numero estos sendita nur al tiuj, kiuj pagis la ĉi-jaran REGo-abonkoston.*



*la kabo Tarĥankut, apud kiu okazos IET en julio*


# REGo

## (Rusia Esperanto-Gazeto)

***№ 1 (44) februaro 2008***

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2008:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 250 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

## ADIAŬA KONCERTO

La 15-an de decembro en la Sankt-Peterburga Kulturpalaco nome de Ŝelgunov (apartenata al Blindula Societo) okazis koncerto, dediĉita al la 120-jariĝo de Esperanto. Pri ĝi aperis informo en la urba tagĵurnalo "Sankt-Peterburgskije vedomosti".

Antaŭ la koncerto en vasta vestiblo funkciis tri tabloj: de la Muzeo ĉe la Kulturpalaco kun brajlaj libroj; de E-societo "Espero" kun deko da brajlaj vortaroj kaj lernolibroj en Esperanto; de Moskva E-Centro kun 30 E-lingvaj literaturaĵoj. Tute ne hazarde la publiko svarmis ĉe la tablo de MEC, kiun majstre gvidis Svetlana Smetanina. Por scivolema publiko estis prezentitaj libroj, eldonitaj dum lastaj 20 jaroj en du rusiaj E-eldonejoj: "Impeto" kaj "Sezonoj". Apartan atenton kaptis la ĵuseldonita libro en la rusa "Esperanto-movado: fragmentoj de la historio".

La koncerton komencis blinduloj el "Amikaro": Andreo Bednjagin deklamis versaĵon de J.Baghy; Valerij Jevsejev prezentis kantojn en sia traduko; Anna Fomina beligis prezenton de la triopo per belaj kaj bone konataj E-kantoj.




Poste venis duopo de Ljudmila Titova kaj Vladimir Kosarev, kiuj emfaze prezentis rusajn kantojn kaj romancojn.

Fine prezentis sian arton E-koruso "Blua Ponto" kun 13 Esperantaj kantoj, burleskaj kaj seriozaj. La centkapa publiko dronigis la koruson en torento da aplaŭdoj.

La sukcesan koncerton povas malĝojigi informo pri eventuala baldaŭa malfondo de E-societo de blinduloj, ĉar de la fama amasa kolektivo nun restas tri supre menciitaj personoj. La direktoro de la Kulturpalaco rekte diris, ke rezervi ĉambron por 3 personoj estas tute ne racie, ankaŭ ke la ejon avidas ceteraj kolektivoj de blinduloj. Rapide trovi dekon da blinduloj kaj instrui al ili Esperanton estas ne reale. Sekve ni povas prognozi baldaŭan fermon de "Amikaro", kiu funkcias ekde 1979.

Kroma informo: en nia urbo funkcias hotelo "Base Camp" ĉe la metrostacio "Sportivnaja", laŭ la adreso: *Petrograda flanko, Boljŝoj prospekt, d.4, l.9*. La hotelestro posedas Esperanton. Por esperantistoj estas rabato 15%. Kontaktaj telefonnumeroj: +7-812-2305087; +7-911-1013507.

***Anatolo Sidorov (Sankt-Peterburg)***

# JUBILEAJ DATOJ DE LA JARO 2008

*Universala Esperanto-Asocio* – 100 jaroj
*"Metropoliteno" de Vladimir Varankin* – 75 jaroj
*La 1-a Internacia Junulara Kongreso* – 70 jaroj
*Jevgenij Perevertajlo* – 70 jaroj
*SEJM-2* – 20 jaroj
*La 1-a Festivalo EoLA* (Esperanto – Lingvo Arta) – 20 jaroj



Jelena Zaznobina

01.01 – *Lev Medvedev* – 60 jaroj
31.01 – *Nikolaj Zubkov* (1918 – 2006) – 90 jaroj
14.02 – *Abdurahman Junusov* – 60 jaroj
25.02 – *Viktor Kulakov* – 50 jaroj
04.03 – *Ljudmila Novikova* – 55 jaroj
05.03 – *Magomet Isaev* – 80 jaroj
13.03 – *Ljubovj Maleĵ* – 55 jaroj
14.03 – *Aleksandr Nedoŝivin* (1868 – ?) – 140 jaroj
07.05 – *Vladimir Sudakov* – 75 jaroj
08.05 – *Gennadij Jaskov* – 70 jaroj
15.05 – *Rimma Roganova* – 70 jaroj
20.05 – *Vjaĉeslav Ivanov* – 30 jaroj
23.05 – *Aleksander Korĵenkov* – 50 jaroj
29.05 – *Ljudmila Titova* – 60 jaroj
04.06 – *Andris Natinj* – 75 jaroj
28.07 – *Bronislav Ĉupin* – 75 jaroj
15.08 – *Innokentij Seriŝev* (1883 – 1976) – 125 jaroj
15.08 – *Solomon Visokovskij* (1933 – 2005) – 75 jaroj
18.08 – *Lev Vulfoviĉ* – 75 jaroj
18.09 – *Vladimir Ĉernov* – 70 jaroj
20.09 – *Gafurjan Gazizov* – 50 jaroj
27.09 – *Natalja Gerlaĥ* – 40 jaroj
03.11 – *Jelena Zaznobina* (1958 – 2003) – 50 jaroj
12.11 – *Nikolaj Gudskov* – 55 jaroj
25.11 – *Diljara Gadirova* – 55 jaroj
02.12 – *Svetlana Ejst* – 50 jaroj
25.12 – *Jekaterina Burmisova* – 30 jaroj




Abduraĥman Junusov



Ljudmila Novikova

## EoLA-20: FEBRUARE EN ĈUVAŜIO

La aranĝo okazos dum la 20-a – 25-a de februaro en la bazejo "Ĉajka", en la loko kiu jam gastigis dufoje la festivalon EoLA en 1993 kaj 2002. La bazejo situas en la ekologie pura sanatoria kuraczono je la distanco 1 km de Volga kaj 7 km de Ĉeboksari. Por la 20-a kaj 21-a estas planitaj nur ekskursoj kaj distraĵoj. La tema programo komenciĝos la 22-an de februaro.

Baza aliĝkotizo – 300 rub.; por la portempaj partoprenantoj 1-taga kotizo estos 75 rub. Rabatoj (validas nur por la plena kotizo): 50 rub. – por REU/REJM-membroj, membroj de JEAĈR; 100 rub. – samfamilianoj, lernejanoj; senpage – infanoj ĝis 12 jaroj. Loĝado (por 1 tagnokto) – 200 rub. (kun propraj littolaĵoj – 180 rub.). Manĝado: 3-foja manĝo kostas 200 rub. tage. Estas planata ankaŭ senvianda manĝo.

Inter la programeroj estas planataj: koncertoj, teatra vespero, sporta maratono, internacia balo, kvizoj pri kulturoj kaj lingvoj, barda kafejo, hinda teumado, ekskurso tra Ĉeboksari, naĝado en la apuda naĝejo "Volĵanka" (kunprenu bankostumojn!), ĉevalrajdado, koncerto de la majstro ludanta en pluraj antikvaj ĉuvaŝaj muzikiloj, fotokonkurso, korusa kantado, diversaj metiejoj (danca, pentrarta, teatra, manfaraĵa kaj aliaj).



*EoLA-14 okazis antaŭ ses jaroj en la sama bazejo "Ĉajka"*

En la Festivalo oni planas dividiĝi je laborgrupoj, kiuj preparos naciajn legendojn, fabelojn, popolajn saĝojn, parabolojn ks.

Por la Internacia Balo oni invitas reprezentantojn de diversaj popoloj kunporti naciajn vestojn aŭ ties kelkajn elementojn.

Viaj ideoj, sinproponoj por grupgvidado, surscenaj prezentoj k.a. estas bonvenaj ĉe la adreso <eola@reu.ru> kun la temlinio "programo". Pro la aktiva partopreno estas antaŭvidataj partaj repagoj.

Kiel atingi la bazejon?

Se vi venis al Ĉeboksari, vi devas:

– de la fervoja stacidomo: rekte iri per la itinera buso (funkcianta ĉiun duonhoron) № 112 ĝis la bazejo "Volĵanka", apud kiu situas "Ĉajka"; aŭ uzi la trolebuson №12 aŭ 14, aŭ iun el la itineraj busoj № 31, 32, 35, 40, 61, 59, 41, 44, 50 kaj iri ĝis la haltejo "Roŝĉa" aŭ "busstacio Novoje selo" (Novoje Illarionovo), de tie vi devas per iu el la busoj № 106, 122, 120, 265, 271 iri ĝis "Ĉajka";

– de la ĉefa busstacio: sub-transiru la fervojan linion kaj iru al la haltejo ĉe la

fervoja stacio kaj de tie sekvu la suprepriskribitan vojon.

Se vi veturos de Niĵnij Novgorod, vi ne bezonas enveturi la urbon. Post la vilaĝo Hirkasi (10 – 12 km antaŭ Ĉeboksari), kie estas la vojmilica kontrolpunkto, vi veturos laŭ la maldekstra vojo ĝis la bazejo "Ĉajka" (ĉirkaŭ 3 km).

Organiza teamo:

Ĝenerala programo – Aleksandr Blinov (+7-902-3280027), Andrej Grigorjevskij (+7-927-8498325). Tema programo: Aleksandra Fedotova (+7-902-3283722), Irina Romanova (+7-927-8467911). Teknika parto: Dima Semjonov (+7-927-6676320). Aliĝado, loĝado, manĝado: Alla Jermilova (+7-919-6727327), Nadja Nikitina (+7-960-3070510).

Por retaj kontaktoj kun la organizantoj bonvolu uzi la adreson <eola@reu.ru>. Se vi decidos partopreni en la festivalo, bonvolu al la sama adreso sendi vian aliĝilon aŭ almenaŭ sciigi pri sia partopreno.

***La organiza teamo***

## SOMERO – MARO – ESPERANTO!

"Tendaro – arbaro" – tiel rimis dum jardekoj niaj komencantaj poetoj. Kaj ja ne hazarde: niaj tendaroj preskaŭ ĉiam okazis en arbaroj. Okazigi someran E-aranĝon apud maro tiam oni plej ofte ne riskis pro grandegaj prezoj. Sed en la nuna tempo la situacio renversiĝis. Estas pli simple trovi moderprezan bazejon apud varma suda maro ol en la mezrusiaj arbaroj. Kaj, ja klaras, ke ĉe la maro estas pli agrable.

Kaj tial jam la duan sinsekvan jaron nialandaj e-istoj estas invitataj pasigi la somerajn feriojn inter E-geamikoj – kaj apud maro! Ĉi-foje nia somera aranĝo okazos en Krimeo, Suda Ukrainio, kaj tiel iĝos vere internacia. Des pli ke Ukrainio estas senviza ne nur por rusianoj kaj belorusianoj, sed ankaŭ por preskaŭ tuta Eŭropo! Eĉ lastmomente iu alilanda samideano povas aĉeti flugbileton kaj veni al la aranĝo.

**"Internaciaj E-Tagnoktoj"** ĉe Nigra Maro (Krimeo) estas organizata de la 01-a ĝis la 10-a de julio 2008 fare de Jalta E-klubo "Tero" helpe de Rusia E-ista Unio kaj kun morala subteno de Ukrainia E-Asocio. La temo: ***"Ni kunas!".***

Kiel kutime, la ĉefaj direktoj de la ***programo*** estos arto kaj instruado. Okazos koncertoj: pli-malpli certe de Mikaelo Bronŝtejn kaj nepre de Pavel Moĵaev, kredeble ankaŭ de aliaj. Jaltanoj, havantaj tradicie fortajn ligojn kun la krimea barda movado, prizorgos koncertojn de invititaj famaj ne-E-istaj bardoj kaj aliaj artistoj. Jalta teatra E-studio montros malgrandajn spektaklojn laŭ rakontoj de A.P.Ĉeĥov. Por la partoprenantoj okazos lingvaj kursoj de diversaj niveloj: de la nula ĝis la supera. Oni planas instruistan seminarion. Kompreneble, okazos ankaŭ prelegoj kaj rondaj tabloj pri movadaj temoj. Eblos partopreni ankaŭ alispecajn kursojn, ekz. pri naĝado, manfaradoj ks. Dezirantoj sanigi sin estos invitataj al gimnastikaj rondoj. Okazos speciala programo por infanoj.

Por la aranĝo Jefim Zajdman (la prezidanto de "Tero") kaj jaltaj E-aktivuloj trovis ***ripozejon "Raketa" sur kabo Tarĥankut*** en la okcidenta marbordo de Krimeo. La loko estas fama pro la plej diafana akvo (pro tio ĝin aparte ŝategas akvalangistoj) en Krimeo kaj relativa libereco de plaĝoj. La plaĝoj apud la bazejo

cetere estas je ĉies gustoj – sabla, ŝtoneta, sovaĝa rokeca. Tiuj, kiuj ne tro ŝatas maron, povas uzi grandan basenon en la centro de la ripozejo. Seka aero kaj maraj brizoj, saturitaj de ozono, kalcio, magnezio, jodo k.a. elementoj, estas bonegaj naturaj kuraciloj por sanigo kaj rejunigo de organismo. Kaj la mara akvo estos savilo kontraŭ la suna ardo.

Dum la aranĝo okazos ***ekskursoj:*** al lago kun kuracaj akvo kaj ŝlimoj; al la urbo Jevpatorija, kiun oni kromnomas "Nova Jerusalemo" pro abundo de diversreligiaj preĝejoj; al unusola en la mondo subakva muzeo (je profundo de 12 metroj) inter belegaj subakvaj rokaj figuroj kun grotoj kaj belformaj golfetoj. Dezirantoj povos viziti kursojn en proksimaj akvalangistaj centroj.

Por la ***loĝado*** estos proponataj tri specoj de ĉambroj (po 2, 3, 4 litoj en ĉiu):

– ĉambro bloka (duŝejo, necesejo en bloko por 3 ĉambroj) – 3,5 eŭroj tage;

– ĉambro aparta (duŝejo kaj necesejo en la ĉambro) – 5 eŭroj tage;

– "bungalo" (duŝejo kaj necesejo en ĉambro kun aparta eliro al la korto) – 7 eŭroj tage;

kaj por la memzorgantoj – loko en tendo kontraŭ 0,8 eŭroj tage.



*belega mara naturo atendas ĉiujn partoprenontojn de IET*

Antaŭ la komenco de la somera sezono la prezoj povas iom altiĝi.

La 3-foja ***manĝado*** kostos 7,5 eŭroj tage. Oni rajtos pagi nur por apartaj manĝoj.

***Aliĝkotizo*** por la rusianoj estos 6 eŭroj antaŭ la 31-a de marto, 10 eŭroj antaŭ la 31-a de majo kaj 14 eŭroj surloke. Membroj de Jalta E-klubo "Tero", partoprenintoj de "Velura sezono" en 2007, membroj de REU/REJM kaj UkrEA havas rabatojn 1,5 eŭroj. Studentoj pagas 70% de la kotizoj, lernejanoj kaj malpli aĝaj infanoj aliĝas senpage. Speciala rabato ekzistas por samadresaj samfamilianoj.

Kontribuantoj por la programo, speciale anticipe anonciĝintaj, ricevos partan aŭ plenan repagon de la aliĝkotizoj. La plej aktivaj kontribuantoj ricevos premiojn.

La monon kaj aliĝilojn la rusianoj sendu al:

– la kasisto de REU Mikaelo Ĉertilov (vidu la adreson kaj kontaktilojn en la informoj pri REU-kotizoj kaj en la retejo <www.reu.ru>);

– aŭ al Grigorjevskij Andrej Anatoljeviĉ: *429120, Ĉuvaŝio, Ŝumerlja, str. Lenina 40 – 14;* <andrej.grigorjevskij@gmail.com>; +7-83536-59856.

Eblas plenigi retan aliĝilon en la retejo <www.reu.ru>.

***La organiza teamo***

# E-vivo en Uralo

## INVITO AL EsPrimo-5

Karaj geamikoj!

Uralaj esperantistoj invitas vin partopreni la tradician Ural-Siberian regionan renkontiĝon “EsPrimo-5” (Esperantista Primavero) kun la ĉefa temo “Kunagi fervore, inspire kaj kore!”, kiu okazos en ĉefurbo de Uralo – Jekaterinburg.

**Kiam okazos?** La 01-an – 04-an de majo 2008.



**Kie okazos?**

Surbaze de sufiĉe komfortkondiĉa kuraca ripozejo “Uktus”, kiu situas en la urbo mem. Variantoj de loĝado: 1) en 2-ĉambraj luksaj apartamentoj kun duŝejo kaj necesejo; 2) en dulitaj ĉambroj, kiam du ĉambroj havos komunan higienan ekipon; 3) en pli grandaj ĉambroj kun 7-10 kuŝlokoj.

**Kio okazos?**

– Estos kelkaj tagoj de mergiĝo en Esperanton. Ni planas strikte ne-krokodilan E-renkontiĝon kun ĉiutagaj paroligaj tempoj en etaj grupoj por novuloj, interesaj prilingvaj prelegoj por spertuloj, diversaj klerigaj programeroj por ĉiuj.

– Estos bela eblo por amika komunikado kun VIP-prezentoj, ronda tablo kun priparolo de interurba kunagado, kun distraj vesperoj, kulturaj kaj amuzaj programeroj, aliaj variaj aktivecoj: ekspozicioj, E-filmoj, ludoj, kantado, dancado ktp.

– Estos ĝuindaj koncertoj de nia gasto el Pollando Georgo Hanzlik kaj de niaj rusiaj kantistoj.

– Vi povos partopreni en busaj ekskursoj tra la urbo, al la limo de Eŭropo kaj Azio, eksterurba ekskurso laŭ via plaĉo kaj viziti tute apude situantan akvoparkon.

**Kotizoj kaj prezoj**

Aliĝkotizoj: 1-a aliĝperiodo (antaŭ 01.04) – 200 rub.; 2-a aliĝperiodo (antaŭ 01.05) – 250 rub.; surloke – 300 rub. Rabato por gejunuloj ĝis 25-jaraj – 100 rub. La aliĝkotizoj sendenas al la adreso: *620041, Jekaterinburg, abonkesto 132, Kudrjavcev Viktor Vasiljeviĉ.*

Prezoj por loĝado (por diurno): en luksaj ĉambroj – 1000 rub., en 2-litaj ĉambroj – 500 rub., en 7-10-litaj ĉambroj – 300 rub.

Manĝado 3-foja – 250 rub. diurne. Mendeblas aparte: matenmanĝo – 90 rub., tagmanĝo – 120 rub., vespermanĝo – 90 rubloj.

**Kiel atingi?**

De la fervoja stacidomo necesas veturi per metroo ĝis la urba centro – stacio “Ploŝĉadj 1905 goda”, poste – per la buso №19 aŭ itinera buseto №19 ĝis la haltejo “Gonĉarnij”, de tie – piediri dum 10-15 minutoj ĝis la bazejo “Uktus”.

Se vi havos ankoraŭ iujn demandojn, kontaktu:

*Raja kaj Viktor Kudrjavcev – <komencanto@r66.ru>, tel. +7-343-3814250;*
*Aleksandr Osincev – <amico86@mail.ru>, tel. +7-902-2603613;*
*Galina Terentjeva – <galater@74.ru>, +7-351-2638023.*

***La organiza teamo***

## ZAMENHOF-FESTO – HEROLDO DE LA NOVA JARO

La populareco de Zamenhof-tagoj en Jekaterinburg kreskas de jaro al jaro: ĉi-foje la festo kunvenigis la 15-an de decembro jam rekordan kvanton da partoprenantoj – 40 personoj el 5 urboj, kio igis ĝin vera regiona renkontiĝo! Aparte menciindas entuziasmige amasa veno de geamikoj el Ĉeljabinsk (6 personoj) kaj Niĵnij Tagil (5 personoj) – ja en ambaŭ teamoj estis novicoj. Kiel ĉiam, ne mankis tjumenanoj. Tre ĝojigis min apero de rarega gasto el Miass Aleksej Fomin, kies kantadon la nuna urala E-generacio, ve, eĉ ne konas pro lia longa foresto en Esperantujo.

Vera ornamo de la renkontiĝo estis talenta kaj sprita rakontanto Sergej Potoskujev el Niĵnij Tagil. Liaj impresoj pri la Somera Festivalo en Barlastono (Anglio), kiun li partoprenis kun la edzino Lidija Jerofejeva, ravis ĉiujn – estis interesege kaj amuze vidi eksterlandan Esperanto-renkontiĝon per la okuloj de ŝokita komencanto. Sergej sukcesis plene kapti la atenton de la aŭskultantoj, kaj al Lidija restis nur aldonadi siajn komentojn de spertulo al lia majstra rakonto.



La ĉefa parto de la festo estis certe ekspozicio de freŝaj kaj de jam arkaikaj E-libroj, al kiu kontribuis per eksponaĵoj ankaŭ la aliurbanoj. Saŝa Osincev kaj Raja Kudrjavceva prezentis librojn de la eldonejoj “Impeto” (Moskvo) kaj “Kleks” (Pollando), oni povis foliumi la ĵuseldonitan en Brazilo poezian almanakon “Brazila Parnaso”, konatiĝi kun la ruslingva eldono de la lernolibro “Эсперанто прямым методом” (“Esperanto per rekta metodo”) de Stano Marĉek, lernolibro de Claude Piron kaj Irina Gonĉarova kaj “Manlibro pri instruado de Esperanto” (ILEI), aĉeti kalendaretojn por 2008, preparitajn de Uljanovska E-klubo kaj REU. La ekspozicion sekvis kvizo pri lingvoj far Saŝa Osincev.

Post la festa teumado nin atendis koncerto, en kiu partoprenis ĉiuj dezirantoj: deklamis versaĵojn kaj kantis infanoj, bele prezentis forgesitajn kantojn Aleksej Fomin, kantis kaj kantigis la partoprenantojn Nikolaj Terentjev (Ĉeljabinsk), dan-



*Aleksej Fomin*

cis invititaj dancistinoj. Uralaj esperantistoj jam tradicie dum Zamenhoftago komencas antaŭfesti la venon de la Nova Jaro, sed ĉi-foje ĉiujn atendis granda surprizo – neatendita veno de Avo Frosto (Viktoro Kudrjavcev), kiu venigis sian nepinon – Neĝulinon (Nataŝa Glaznica, Ĉeljabinsk) por konsulti la partoprenantojn, kiun lingvon ŝi lernu por akompani lin en la festaj laŭmondaj vojaĝoj. Nu, certe unuanime estis elektita Esperanto!

La feston daŭrigis gajaj ludoj, paroligaj kaj distraj, organizitaj de Jekaterinburga junulara E-klubo "Arĝenta flamo", en kiuj samplezure kaj entuziasme partoprenis kaj infanoj, kaj eĉ maljunuloj. En la amuza kvizo fine de la renkontiĝo, gvidata de Raja, preskaŭ ĉiu sukcesis gajni belan novjaran donaceton aŭ E-kalendareton, do ni disiris kun bona humoro, inspiritaj plu agi kaj plu renkontiĝi.

Dankon al la jekaterinburganoj pro ilia ĉiama gastamo, kiu igas min ĉiumonate lasi ajnajn aferojn kaj spite al la nemalgranda 210-kilometra distanco ree kaj ree impeti al la amikaj uralaj renkontiĝoj!

***Galina Terentjeva (Ĉeljabinsk)***

## LA MALNOVA NOVA JARO EN AMIKA RONDO

La 12-an de januaro en frosta Jekaterinburg ni ĝuis la varman feston.

Mi ĉiam bedaŭris, ke ne povas renkonti la venon de la Nova Jaro en Esperantujo, kun geamikoj, ĉar laŭ la tradicio ĝi estas festata familie, kaj nur nemultaj el ni ŝatus lasi ĉi-nokte siajn proksimulojn. Sed, feliĉe, en Uralo ekis nova ĝojiga tradicio – kune festi la unikan "rusian" feston – venon de la Malnova Nova Jaro (laŭ Julia kalendaro) – jam en E-familio! Pasintjare ni "provludis" tion en la malvasta amika rondo triurba, kaj la rezulto estis tiom neforgesebla, ke nun ni decidis organizi jam komunan festadon.



Do, ni kunvenis en la Domo de Paco kaj Amikeco 16-persone, mi estis ĉi-foje la sola "fora" gasto. Ĉu vi iam spertis renkonti la Novan Jaron laŭ la tradicioj de aliaj landoj? Ni – jam jes! La festado komenciĝis laŭ la rumana maniero – 3 feliĉuloj trovis en la

elektitaj kukpecetoj monerojn, kio aŭguris al ili la riĉan jaron. Poste ni forĵetis kiel italoj el la domo malnovajn objektojn (eĉ meblojn – nu, certe, nur imite), krevigadis aerbalonetojn kiel oni faras tion en Pollando, kiel en Kubo svingverŝis al la strato akvon el pokaloj por ke la jaro estu akve pura, renkontis la Novan Jaron per komuna rido kiel japanoj kaj per krioj kaj bruaĉo kiel loĝantoj de Panamo. Fine ni bruligis "lignofajron" el bengalaj fajroj laŭ la vjetnama maniero, kaj certe multajn plezurigis la bulgara rito – ĉe la horloĝsonoro interkisiĝi kun najbaroj en mallumo...



La festo daŭris, kaj ĉe la festena tablo kun bongustaĵoj nin atendis gajaj konkursoj – helpe de kaseroloj, karotoj kaj... rulaĵoj de neceseja papero du viroj estis sorĉitaj je "neĝuloj", ni kune kreis festan vintran E-vortareton laŭ la literoj, lotumitaj el novjara boteto kaj konkuradis en amuza intelekta kvizo. Ĉiu ricevis bombonon kun envolvita papereto-aŭguro por la nova jaro. Poste ni spektis ricevitajn de diverslandaj E-amikoj belajn komputilajn bildprezentojn, inter kiuj estis tre plaĉaj fotoserioj pri la festa novjare ornamita Brazilo, kaj simple amike babiladis ĉe la kandela lumo.

Ni festis la venon de la nova jaro plej longe – nu, ja kiel uralaj esperantistoj ni tradicie komencis fari tion dum la decembra Zamenhof-tago, kaj kiel ĉiuj "veraj" rusianoj finis festi nur laŭ Julia kalendaro! Ni esperu, ke tiom gaja jarkomenco, kiun ni devas danki unuavice al Raja kaj Arina, altiros al ni sennombrajn sukcesojn kaj laŭdire alportos dumjare ankoraŭ multajn feliĉajn E-renkontiĝojn!

***Galina Terentjeva (Ĉeljabinsk)***

## ESPERANTO EN BLANKA DOMO DE SVERDLOVSKA REGIONO

La 26-an de decembro 2007 por la unua fojo en la historio de la regiona "Blanka domo" en Jekaterinburg tie sonis Esperanto. Raja kaj Viktor Kudrjavcev estis en konsisto de la teamo de oficistoj el Domo de Paco kaj Amikeco, invitita por festi Novjaron en la administrejo de Registaro kaj Parlamento de Sverdlovska regiono. Inter salutvortoj, gratuloj kaj bondeziroj flanke de la teamo, faritaj diverslingve dum la festa programo, estis ankaŭ tiuj en Esperanto, kiujn prezentis Raja kaj Viktor Kudrjavcev.

***Raja kaj Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg)***

## ZAMENHOF-TAGO EN VOLGOGRAD

Ĉio komenciĝis la 8-an de septembro. Nia klubo "Espero" partoprenis en regiona festo "Sareptskije vstreĉi" (Sareptaj renkontiĝoj). Ni faris ekspozicion pri E-to kaj rakontis pri la lingvo kaj la movado. La stando estis bela, kaj ni havis multajn vizitantojn. Inter ili estis ĵurnalistino, kiu demandis: "Ĉu vi planas festi la 120-jariĝon de E-to?". Ni iomete diskutis kaj decidis, ke kapablas konatigi la loĝantojn kun historio de la lingvo kaj organizi tuturban renkontiĝon de esperantstoj.

Unue ni kompilis novan flugfolion okaze de la 120-jariĝo (en la malnova temis pri la 100-jariĝo), multobligis ĝin kaj disdonis en la lernejoj, gimnazioj, bibliotekoj, kulturpalacoj kaj domo de junularo. Ni faris du prelegojn (fare de V.Spicina kaj L.Bikova) en la loka kolegio kaj mezlernejo, renkontiĝis kun kelkaj ĵurnalistoj, kiuj poste aperigis en tri urbaj periodaĵoj sufiĉe grandajn artikolojn pri la lingvo kaj laboro de nia klubo.

Samtempe ni kontaktis klubanojn de la E-klubo "Venko" kaj eksesperantistojn el diversaj partoj de la urbo por pridiskuti la programon de Zamenhof-Tago kaj inviti ĉiujn.

Programon de la festo ni konstruis sufiĉe facile, sed dum la tuta novembro ĝi pligrandiĝis, konstante aperadis novaj ideoj. La kvizo pri historio de Esperanto kaj biografio de Zamenhof, preparita de V.Spicina kaj T.Vtorova, pasis interese kaj utile. La klubanoj kolektis diversajn esperantaĵojn por la senmalgajna loterio. Ĉiuj 58 loteriaj biletoj estis rapide disvenditaj, ĉar multaj partoprenintoj volus kontraŭ 5 rubloj gajni rusan-Esperantan vortaron. Rezulte ĝin gajnis Aleksej Ĝeglo, kiu poste riĉigis la programon per rakonto pri E-movado en Stalingrado dum la 50-aj-60-aj jaroj. Li ankaŭ montris malnovajn librojn kaj eĉ antaŭrevoluciajn eksterlandajn poŝtkartojn. Liaj gepatroj estis iam aktivaj esperantistoj.



*partoprenintoj de la kvizo*

La scenejo estis estis dekorita per flagetoj, kudritaj de Ljudmila Bikova, kaj portreto de Zamenhof. Sur la muroj estis aranĝitaj diversaj fotoekspozicioj.

Membroj de la klubo "Espero" montris du teatraĵetojn. La unua, "Vero kaj fantazio", estis ligita kun la biogrfio de Zamenhof, kiun rolis Ljoŝa Dumler. La bopatrinon de Zamenhof rolis Vera Dumler, la edzinon – Maŝa Ŝaligina. La samaj aktoroj, plus ankaŭ Jevgenij Dumler, ludis en la alia tetraĵeto, amuza "En teatro".

Poste komenciĝis io simila al la televidkonkurso "Minuta slavi" (Minuto de gloro): pianludis Oljga Carjova kaj Katja Jaŝĉuk, deklamis versaĵojn kaj rakontojn Oleg Ŝaronov, Aleksej Kaŝirin, Valentina Spicina, Ljudmila Bikova, pantomimis M.Ŝaligina kun Nastja Taldikina k.t.p. Eĉ dum la subita malapero de lumo la pro-

gramo ne ĉesis: Dmitrij Vronskij deklamis proprajn versaĵojn, poste ni organizis ludon. Post reapero de la lumo okazis disdonado de la objektoj, gajnitaj en la loterio. Preskaŭ pri ĉiuj objektoj dum la disdonado oni rakontis: pri enhavo de la libroj, graveco de la vortareto, unikeco de la insigno aŭ afiŝo, beleco de la bildkarto de iu kongresurbo k.s. Poste okazis teumado kun dolĉaĵoj: tortoj, bombonoj, biskvitoj, ĉokoladoj, fruktoj. Sed la plej furoraj estis orientaj dolĉaĵoj, kiujn kunportis niaj gastoj el Turkio kaj gastino el la urba societo de tataroj. Post la festa manĝado komenciĝis liberaj diskutoj, babiladoj kaj interkonatiĝoj. El 34 partoprenintoj 12 bezonis preskaŭ 2 horojn en la frosta tago por atingi la klubejon.

La legantoj, kiuj konas volgogradajn esperantistojn, verŝajne rimarkis, ke dum la Zamenhof-Tago aktivis esperantistoj de ambaŭ volgogradaj kluboj. Tio ĉi estas grava kaj ĝojiga rezulto de nia festo.

***Valentina Spicina (Volgograd)***

## KONGRESO DE LITOVA E-ASOCIO KAJ ZAMENHOF-TAGOJ

La 15-an de decembro 2007 en Kaunas okazis la 43-a Kongreso de Litova Esperanto-Asocio. Ĝin partoprenis 186 esperantistoj el 28 urboj, urbetoj kaj aliaj loĝlokoj de Litovio kaj ankaŭ gastoj el Latvio, Belorusio, Pollando, Rusio. La plej multaj venis el Kaunas (52), Vilnius (29), Panevežys (15), Šiauliai kaj Marijampole (po 5). Estis voĉlegita salutmesaĝo al la Kongreso, sendita de la Ĝenerala Direktoro de UEA Osmo Buller. Raporton pri la agado de Litova Esperanto-Asocio faris prezidanto de la Asocio Povilas Jegorovas – li elstarigis ĉefajn jarajn atingojn de la asocio, menciis kelkajn mankojn kaj problemojn kaj esprimis kelkajn ideojn pri la agado estonte. Sekvis elpaŝoj kaj diskutoj – parolis redaktoro de "Litova stelo" Vytautas Šilas, estrarano de la asocio Algimantas Piliponis, Jurate Bartaskiene, Alfredas Maruska, Valdas Banaitis, Vilius Sidlauskas. Sekvontjare dum la 44-a Kongreso okazos elektoj de la nova Estraro kaj prezidanto de la asocio.

Post la kongreso la 15-16-an de decembro en Kaunas okazis la ĉiujara (ekde 1964) tradicia aranĝo de litovaj esperantistoj "Zamenhof-Tagoj 2007". Per kelkaj enkondukaj frazoj la aranĝon komencis prezidanto de Litova Esperanto-Asocio Povilas Jegorovas. Festprelegon "Zamenhof kaj zamenhofologio" okaze de la 148-a datreveno ekde la naskiĝo de la kreinto de Esperanto faris la redaktoro de "La Ondo de Esperanto" Aleksander Korĵenkov el Kaliningrad. Poste prelegis Jevgenij Gaus el Kaunas, kiu prezentis diversajn projektojn de la organizo E@I. Post tio Aleksander Korĵenkov anoncis rezultojn pri elektoj de "La Esperantisto de la Jaro" kaj de la konkurso "Liro-2007". Sekvis koncerto de Lidija Gomolickaite-Grudzinskaite (fluto), Rasa Makaraitiene (piano) kaj muziklernantoj Algirdas Tamulaitis kaj Georgij Stalbovskij. Post mallonga paŭzo oni povis aŭdi alian koncerton – tiun de blovorkestro de Junulara Kulturdomo el Pollando. La vespero finiĝis per amikaj interparoloj en surloka kafejo. La sekvan tagon restintaj kelkaj dekoj da personoj interŝanĝis opiniojn pri la esperantista agado ĉe komuna tablo.

Dum la aranĝo funkciis riĉa butiko de Esperanto-libroj kaj aliaj esperantaĵoj. Oni povis aboni "Litovan stelon" (abonis 75 personoj) kaj multajn aliajn Esperanto-gazetojn kaj revuojn, aliĝi al la 93-a Universala Kongreso de Esperanto en

Roterdamo en 2008 kaj fariĝi individua membro de UEA (tion faris 20 personoj), pagi membrokotizon de Litova Esperanto-Asocio (tion faris 52 personoj), aliĝi al la 44-aj Baltiaj Esperanto-Tagoj en Ventspils (Latvio) en 2008.

Pri la kongreso kaj pri ZT-2007 vaste informis gazetaro, radioj, televidoj, novaĵagentejoj k.s.

***Povilas Jegorovas (Litovio)***

## TUTMONDA KONGRESO DE ESPERANTISTOJ-ĴĴURNLISTOJ

Litova Ĵurnalista Asocio kaj Litova Esperanto-Asocio invitas Vin partopreni Tutmondan kongreson de esperantistoj-ĵurnalistoj en la ĉefurbo de Litovio, Vilnius.

Ĉeftemo de la kongreso: "Internacia interkultura komunikado: ĵurnalismo kaj Esperanto". La Kongreso ankaŭ ligiĝos al Internacia Jaro de Lingvoj kaj al la proksimiĝanta 1000-jariĝo de Litovio en 2009 kaj al Vilnius kiel Eŭropa kultura ĉefurbo en la sama jaro.




Loko: La kongreso okazos en la malnova historia urbodomo de Vilnius (str.Didžioji 31). Vilnius estas atingebla aviadile, trajne, buse kaj aŭtomobile.

Tempo: La kongreso funkcios la 26-an – 30-an de majo 2008. Veni al la kongreso preferindas jam la 25-an de majo 2008. Dezirantoj povos uzi la semajnfinon antaŭ la kongreso kaj/aŭ la semajnfinon post la kongreso. Estas antaŭvidite, ke duono de la tempo estos uzata por kunvenoj kaj la alia duono por ekskursoj tra Vilnius kaj Litovio.

Partopreno: Al la kongreso estas invitataj ĉiuj nunaj kaj iamaj membroj de TEĴA (Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio), ĉiuj aliaj profesiaj kaj praktikantaj ĵurnalistoj (redaktoroj kaj redakcianoj de paperaj gazetoj, verkantoj de artikoloj, fotistoj, ilustrantoj, ĵurnalistoj de Esperanto-radioj, redaktoroj kaj ĵurnalistoj de retgazetoj), homoj de apudaj profesioj iel rilataj al ĵurnalismo – literaturistoj, verkistoj, eldonistoj, tradukistoj k.a. Al la kongreso estas invitataj ankaŭ ĉiuj estraranoj de UEA kaj ties Ĝenerala Direktoro. Entute ni antaŭvidas ĉirkaŭ 100 partoprenantojn.

Programo: Estas antaŭvidataj prelegoj kaj diskutoj pri la ĉeftemo, kunvenoj de TEĴA, aliaj rilataj programeroj. Proponoj, konsiloj kaj sugestoj por la programo estas atendataj, ankaŭ sinproponoj por prelegi, raporti pri la kongresaj temoj. La laborlingvo de la kongreso estas Esperanto.

Financaj kondiĉoj:

1. Aliĝkotizo ne ekzistas.
2. Loĝado en hoteloj dum la kongresa periodo estas senpaga.

3. Manĝado dum la kongresa periodo estas senpaga.

4. La organiza komitato pretas plene aŭ parte kovri la vojaĝelspezojn por tiuj personoj, kiuj sen financa helpo ne povus veni al la kongreso (ĝis 250 eŭroj por eŭropanoj kaj ĝis 500 eŭroj por ekstereŭropanoj). Unue la financan helpon ĝuos kontribuontoj al la kongresa programo kaj tiuj personoj, kies partopreno en la kongreso estas dezirinda kaj preferinda. Pri ĉiu aparta kazo decidos la organiza komitato.

Aliĝo: Per plenigo de la aliĝilo kaj ĝia sendo al *Litova Esperanto-Asocio, p.k. 167, LT-44287, Kaunas, Litovio*. Eblas aliĝi telefakse +370-37-228616 aŭ rete al <litova.ea@mail.lt>. Limdato por aliĝi estas la 30-a de aprilo 2008. Aliĝiloj riceveblas ĉe LEA kaj troveblas ĉe la ttt-ejo <www.esperanto.lt>.

Loĝado: En urbaj hoteloj (*Ecotel, Holiday Inn, Novotel* k.s.).

Manĝado: Matenmanĝo en hoteloj, aliaj manĝoj en lokoj anoncotaj poste.

Vizoj: al Litovio senvize rajtas veni civitanoj de ĉiuj landoj de Eŭropa Unio kaj de multaj aliaj landoj. Aliaj vizojn havigu anticipe en Litoviaj ambasadejoj kaj konsulejoj. En problemaj kazoj turnu Vin por helpo al Litova Esperanto-Asocio. Se necesos, organizantoj sendos oficialajn invitojn por la kongreso.

Aliaj gravaĵoj: Fine de aprilo – komence de majo 2008 ĉiu aliĝinto ricevos la Duan Bultenon pri la kongreso kun pli detalaj kaj aktualaj informoj. Aktualajn informojn pri la kongreso Vi trovos ankaŭ en la retejo de Litova Esperanto-Asocio <www.esperanto.lt>.

Kontaktaj telefonnumeroj: +370-37-208503, +370-687-12219.

**Bonvenon al Litovio!**

***Organiza komitato***

## BET-44 EN LATVIO

Latvia Esperanto-Asocio invitas Vin partopreni BET-44 – Baltiajn Esperanto-Tagojn – la plej popularan Esperanto-aranĝon en Baltiaj landoj, aranĝon kiu havas jam preskaŭ 50-jaran historion (la unua BET okazis en 1959 ĝuste en Latvio).

Tempo: BET-44 funkcios de la 5-a ĝis la 12-a de julio 2008.

Loko: BET-44 okazos en Ventspils – la plej prospera urbo de Latvio, populara turisma centro kaj unu el la plej grandaj havenoj de Baltia maro. Ventspils situas 189 kilometrojn for de la ĉefurbo Rigo en la nordokcidenta parto de Latvio ĉe la enfluejo de la rivero Venta en Baltian maron. Laŭ la kvanto de loĝantoj (preskaŭ 44 000) ĝi estas la sesa laŭ grandeco urbo de Latvio. Ventspils estas unu el la plej antikvaj urboj de nia lando – la unuan fojon ĝi estis menciita en historiaj dokumentoj en 1290. La urbo fieras pri sia kastelo de Livonia ordeno – unu el la plej antikvaj mezepokaj fortikaĵoj de Latvio. La urbo estas fama pro siaj prizorgitaj parkoj, pavimitaj placoj, promenstratoj laŭ rivero Venta kaj Suda havendigo. Partoprenantoj de BET-44 povos partopreni en distraj kaj amuzaj aranĝoj de la urbo, ripozi ĉe la maro, veturi per jaktoj kaj ŝipetoj. La urbon eblas atingi per busoj el Rigo, Liepāja kaj aliaj urboj de Latvio. BET-ejo situos en urbocentro.

Provizora programo: diversnivelaj Esperanto-kursoj, enkonduka kurso en la latvan lingvon, Somera Universitato, seminario pri problemoj de Esperanto-movado, Sankta Meso en Esperanto, Interkona, Nacia kaj Internacia Vesperoj,

duontagaj kaj tuttaga ekskursoj, kvizoj, filmoj, kantoj, dancoj k.a. aranĝoj.

Aliĝkotizo por rusianoj: 15 latoj antaŭ la 31-a de marto, 20 latoj – poste. Infanoj ĝis 15-jaroj aliĝkotizon ne pagas. Lernantoj, studentoj, handikapuloj pagas 50% de la kotizo. Proksimuma kurzo: 1 lato = 1,42 eŭroj.

Loĝado: ekzistas diversaj loĝofertoj kun la kosto de 1,5 latoj (por tendo en kampadejo) ĝis 20 latoj diurne (por loko en urba hotelo).

Aliĝkotizo ne estas repagebla. Aliĝo sen pago de kotizo ne validas (krom speciale interkonsentitaj kazoj).

Ĉe la ttt-ejo <http://www.esperanto.org.lv> eblas trovi diversajn aliajn informojn, la aliĝilon, pagmanierojn k.s. Aliaj kontaktebloj estas:

1) poŝte: Latvia Esperanto-Asocio, p.k. 150, LV-1050, Riga, Latvio;

2) rete: <margarita.zelve@gmail.com>;

3) telefone: +371-26407174 (Margarita Želve), +371-67383461, +371-28486628 (Biruta Rozenfelde).

Bonvenon al Latvio!

***Organiza komitato***

## JALTA E-KLUBO "TERO" DUM LA JARO 2007

La jaro 2007 estis por la klubo jubilea. Precize antaŭ 30 jaroj ĉe jalta montara klubo aperis junulara E-grupo "TERO" (Turista E-Rondo), kiu poste transformiĝis al la klubo "Tero".

Dum multaj lastaj jaroj la klubo estis anarkieca: kotizoj kaj vicordaj kunvenoj ne estis – la klubanoj kolektiĝis nur kiam aperis neceso. Pasintjare la unuan fojon okazis regulaj kunvenoj. Ilin iniciatis la nova klubanino Anĵela Belenko, kiu fariĝis "respondeca sekretario" de la klubo.

Ĉiujare okazis paroliga kurso, sed la daŭrigaj – neniam, tial multaj finintoj de la paroliga kurso perdiĝis. Do ni decidis komenci daŭrigan kurson por la klubanoj, por plibonigi la lingvan nivelon kaj konatigi ilin kun kulturaj kaj historiaj flankoj de la lingvo.

Por varbi la kursanojn ni organizadas renkontiĝon en biblioteko, iam – renkontiĝon-koncerton, kiun partoprenas Pavel Moĵajev. Por allogi homojn ni ĉiam faras 100-150 afiŝojn. La kursoj okazis en Krimea ŝtata human-scienca universitato.

La Novan Jaron 2006/2007 la klubanoj festis en Pollando. La E-aranĝon "Ago-semajno" partoprenis 15 klubanoj. Ni rekomendas al ĉiuj festi Novjaron en amiketosa "Ago-semajno", kies partopreno postulas nemultan monon.

Printempe ni organizis busan ekskurson al Evpatorija,

Эсперанто-международный язык Esperanto-internacia lingvo
Esperanto-internacia lingvo
Эсперанто-международный язык
Приглашаем На встречу-концерт
Воскресенье 11 ноября в 14 час.
Библиотека им. Чехова
"Эсперанто это..."
-Богатый литературный язык, легкий в изучении
-Друзья в разных странах мира
-Международные встречи, фестивали, поездки
-Бесплатное проживание у эсперантистов в 90 странах мира
Эсперанто-международный язык Esperanto-internacia lingvo

kiun oni nomas nun “Nova Jerusalemo” pro abundo de diversaj religiaj konfesioj. La vojaĝo estis tre interesa kaj malmultekosta. Tiajn ekskursojn ni decidis fari konstantaj por la klubanoj kaj por partoprenantoj de niaj internaciaj aranĝoj.

Komence de majo la klubanoj partoprenis E-kursaron “Aroma Jalto”: Anjo Maksimĉuk gvidis kurson por komencantoj el Pollando, Jelena Snigirjova kaj Vjaĉeslav Katin, kiel ĉiam, okupiĝis pri ekskursoj kaj turistado, okazis koncerto de jaltanoj, dum kiu Zograb Saforjan la tutan vesperon plezurigis ĉiujn per kantado.

Por fino de junio ni planis organizi E-kursojn por komencantoj “Somera sezono”, sed aliĝis malmultaj dezirantoj. Aliflanke decidis veni 8-persona grupo de junaj aktivuloj el Ĉeĥio, Slovakio, Hungario, Svedio (4 el ili – nunaj aŭ eksaj gvidantoj de junulara E-movado en siaj landoj). Tial ni decidis ne miksi la komencantojn kun spertuloj kaj invitis nur ĉi grupon. Al ili ege plaĉis en Jalta, precipe la 10-hora malmultekosta busa ekskurso tra Krimeo.

Dufoje la klubanoj prezentis koncertojn por ripozantoj rekompence pro la senpaga halo kun scenejo, kiun oni disponigis al ni por la teatra E-studio. La tria koncerto en tiu ĉi halo estis okaze de mia 50-jara E-jubileo.



*Jelenjo kaj Otto en geedziĝfesto*

Aŭguste 4 klubanoj (mi, Anĵela, Ĵdanov kaj Moĵajev) partoprenis en RET-07 apud Azova maro, kie Pavel koncertis kaj prelegis, mi kolektis aktoremajn partoprenantojn kaj prezentis spektaklon “Krimea legendo”, Anĵela gvidis matene resanigan gimnastikon. La renkontiĝo ege plaĉis al ni. Dum ĉemaraj promenoj kun la prezidanto de REU Andrej Grigorjevskij aperis ideo organizi sekvasomere ĉemaran internacian E-renkontiĝon en Krimeo kun aktiva partopreno de rusiaj esperantistoj.

Lastatempe en la klubo aperis junaj “liberaj esperantistoj”, kiuj memstare vojaĝas eksterlanden kaj mem decidas kiucele uzi Esperanton. La 8-an de septembro okazis la unua en historio de la klubo internacia geedziĝo inter nia aktivulino Jelenjo Ilnickaja kaj aktiva aŭstra esperantisto Otto Liebhart. Nun ŝia familinomo estas Liebhart, kio signifas “ame-firme”. Alia aktivulino, Saŝa Kovjazina lasis nin septembre – ekriskis forveturi al Pollando por studi E-turismon. La tria, Irina Gerasimova plejparte nun vivas en Germanio, uzante E-kontaktojn.

Pri la aŭtuna “Velura sezono-13” vi povas legi en la antaŭa numero de REGo kaj en la ttt-ejo <www.jaltaespero.narod.ru>.

La 15-an de decembro anoj de la klubo kolektiĝis ĉe la domo de la unua jalta esperantisto d-ro Ilja Ostrovskij. Li eklernis Esperanton en 1892 kune kun la 10-jara filino Nadja kaj post jaro estis jam la plej aktiva en la mondo varbanto por Esperanto. Inter ĉ. 800 abonantoj de la unua E-gazeto "La esperantisto" 100 abonantojn el diversaj landoj varbis li. En 1905 li sukcesis ricevi permeson por eldonado de la unua ruslanda gazeto "Esperanto". Samjare en la unua UK la doktoro iniciatis oficialan akcepton de E-flago, proponinte flagon de E-grupo, organizinta la kongreson. Tial super memortabulo omaĝe al I.Ostrovskij ĉiam pendas la verda flago. La tabulo en la rusa kaj Esperanto tekstas: "En la domo komence de 20-a jarcento loĝis pioniro de internacia Esperanto-movado d-ro I.D.Ostrovskij". Sub la memora estas informa tabulo. Ĉar la dato koincidas kun la Tago de E-libro, post rakonto pri Zamenhof kaj la d-ro sekvis rakonto pri la plej interesaj libroj, eldonitaj en Esperanto ĉi-jare. Ne ĉiuj eltenis ĉi-longan solenan parton – sur la foto estas nur la restintoj, kiuj ĉampanumas.

Tre streĉe pasis preparoj al novjaraj E-aranĝoj, al kiuj pretis veturi 14 jaltanoj. Pro malsano kaj nesukcesa ŝanĝo de pasportoj ne povis veturi 4. Rezulte 7 veturis al IS (Internacia semajno) en Germanio kaj 3 – al Ago-semajno en Pollando.



Restas aldoni, ke dum la jaro en la urbaj ĵurnaloj aperis kelkaj artikoloj pri Esperanto kaj la klubo, decembre en la ĵurnalo "Bolŝaja Jalta" aperis granda artikolo, dediĉita al la 120-jara jubileo de Esperanto.

***Jefim Zajdman (Ukrainio)***




Eŭgeno Kuljkov volas fondi en Rusio "Esperantistan Go-Ligon" kaj serĉas gesamideanojn, kiuj ludas Goon. Interesiĝantoj skribu al *Кулькову Евгению Викторовичу, ул. Юбилейная 26 – 107, 600031, Владимир.*



## MORTIS LEONID BORISOV

*Herboj sekiĝas – radikoj restas,*
*Birdoj forflugas – nestoj restas,*
*Homoj mortas – kantoj restas…*

La 21-n de januaro mortis pro pulm-kancero Leonid Borisov, "unika bardo de la unuaj SEJT-oj, kiu ravis kaj aplaŭdigis espan junularon" (el "Legendoj pri SEJM" de M.Bronŝtejn). Li estis unu el miaj plej bonaj E-lernantoj kaj amikoj.

En 1962 en la apudmoskva urbo Kolomna okazis vasta varbado al E-kursoj. Al prelego pri Esperanto venis ĉ. 500 homoj, ankaŭ la tuta klaso mezlerneja, kiun alkondukis instru-istino de la angla lingvo. Inter la gelernantoj estis Lonĉjo Borisov, kiu bone ellernis la lingvon. En 1963 li sola el la kolomnanoj par-toprenis BET-5 en Estonio kaj sekvajare – BET en Litovio kun mi kaj Ivan Davidkin. Tie ni ekaŭdis kelkajn E-kantojn en plenumo de leningradanoj kaj eĉ la originalan "Leningrada serenado". Tio inspiris nin, kaj post reveno al Kolomna estis fondita la unua E-kantgrupo, kiun ekgvidis Ivan, kun li gitaris Lonĉjo, kantis Nina Ŝĉer-bakova, mi kaj aliaj. Ĝuste tiam aperis mia unua traduko "La tempo somera" kaj aliaj kantoj, bezonataj por la kantgrupo.

Pasis tiom da tempo ekde tiu periodo, ke mi multon forgesis. Bone, ke Miĉjo Bronŝtejn helpis. El lia "Legendoj pri SEJM" mi kun miro eksciis, ke la kolom-nanoj organizis tiam magnetofonan konkurson por tradukantoj de ruslingvaj bardaj kantoj. Kaj ke nia kantgrupo koncertis eĉ en la Moskva ŝtata universitato. Certe ĉio ĉi ne eblus sen Borisov.

Lonĉjo partoprenis la festivalojn "Velura se-zono" antaŭ la "rekonstrua periodo". En Jalta lastan fojon li estis en 2000, par-toprenante kun koncerto la E-aranĝon "Aroma Jalto". Poste ni renkontiĝis en Ivanova E-Renkontiĝo, kien mi veturis tuj post kiam eksciis, ke li estos tie. Dum tri tagoj ni ekzer-cis, rememorante la unuajn E-kantojn, kaj fine regalis



*Abduraĥman Junusov, Svetlana Smetanina, Leonid Borisov, Tatjana Loskutova*



Leonid Borisov en 2002 dum IvERo

la veteranojn per ili. Mi vidis larmojn sur ies okuloj. Kaj malfrue vespere, post la oficiala programo, Lonĉjo ofte plezurigis ĉiujn per bardaj kantoj ruslingve.

Lastajn jarojn mi strebis eltiri Lonĉjon al la festivaloj "Velura sezono", sed sensukcese – li skribis, ke jen malsanas la patrino, jen la edzino. Nun mi komprenas la situacion. Ankaŭ la edzino, Nina Loĵkina, serioze malsanas nun.

Kun Nina Lonĉjo renkontiĝis en trajno, veturante al Karpatio, kie SEJT la unuan fojon okazis en Ukrainio. Nina tiam veturis al la tendaro el Kazaĥio kun samurbano Valentin Ĉembarisov. Mi observis komikan situacion, kiel Borisov konatiĝis kun Ĉembarisov. "Borisov" – prezentis sin Lonĉjo. "Ĉembarisov" – sonis responde. Denove "Borisov" kaj ree – "Ĉembarisov" responde.

Poste Lonĉjo ekkantis. Nina atentege aŭskultis kelkajn kantojn kaj subite belege kunkantis. Ekde tiu momento ili ĉiam estis kune, iom korespondis kaj baldaŭ Nina venis Kolomnon por geedziĝi. Ili ofte kantis kune en E-aranĝoj tion, kion mi tradukis speciale por ili, ĉar tiuj kantoj bezonis bonegan plenumon, do ne taŭgis por komuna kantado. Ili tre ŝatis bardajn kantojn, vizitadis konstante bardajn festivalojn kaj kantis tie.

Ve, ne plenumiĝos mia revo kunigi iam anojn de la unua E-kantgrupo kun Lonĉjo ĉekape kaj prezenti en iu E-aranĝo retro-koncerton. Lonĉjo telefonis al mi antaŭ 3 semajnoj kaj kiam mi diris, ke volas veni al Kolomna, li trankviligis min, ke urĝi ne necesas. Kaj jen mi subite eksciis pri lia morto.

Mi bedaŭras, ke lastajn jarojn, dum li estis viva, mi malofte renkontiĝis kun li.

Helan memoron je Lonĉjo Borisov!

***Jefim Zajdman (Ukrainio)***

## CLAUDE PIRON NE PLU INTER NI

Claude Piron, Honora Membro de UEA, populara Esperanta verkisto, pedagogo kaj amata preleganto, forpasis la 22-an de januaro hejme en Gland, Svislando. Li naskiĝis en Namur, Belgio, en 1931.

Piron laboris kiel tradukisto-protokolisto por Unuiĝintaj Nacioj en Novjorko 1956-1961 kaj poste por la Monda Organizaĵo pri Sano i.a. en Ĝenevo, Azio kaj Afriko. Trejnita kiel psikanalizisto kaj psikoterapiisto, li komencis praktiki psikoterapion en 1969. Li instruis en la Psikologia kaj Edukscienca Fako de la Ĝeneva Universitato de 1973 ĝis emeritiĝo en 1994. Poste lia ĉefa aktiveco apud psikoterapia praktikado estis profesie trejni junajn psikoterapiistojn.

Claude Piron esperantistiĝis en 1942. Li membriĝis en Tutmonda Junular-

Organizo TJO (la posta TEJO) en 1946 kaj en UEA en 1947. Ekde 1958 li estis dumviva membro de UEA. En 1958 li kunfondis Esperanto-klubon ĉe UN en Novjorko kaj fariĝis ties unua prezidanto. De aprilo 1963 ĝis majo 1966 li estis redaktoro de "Svisa Espero". Li prelegis pri sia scienca fako i.a. en Someraj Universitataj Kursoj en Lieĝo; la kursoteksto aperis ankaŭ presite, "Kiel personeco sin strukturas?" (1978). Dum la 64-a UK en Lucerno en 1979 Piron estis rektoro de Internacia Somera Universitato. Membro de la Akademio de Esperanto li estis de 1979 ĝis 1988.



Jam frue Piron ekverkis en Esperanto, gajnante premiojn en la poezia branĉo de la Belartaj Konkursoj de UEA en 1954-1956. Per la publikigo de la furora verko "Ĉu vi kuiras ĉine?" (1976; 2-a eld. 1996) komenciĝis por Piron fekunda verkoperiodo kun la pseŭdonimo Johán Valano, dum kiu aperis la poemaro "Malmalice" (1977; 2-a eld. 2001), kvar pliaj krimromanoj en la "Ĉu"-serio, la krimrakontaro "Ĉu rakonti novele?" (1986) kaj la sciencfikcia romano "Tien" (1997). Al la populareco de lia prozo kontribuis la vigla rakontado kaj la facila sed esprimforta lingvaĵo. Piron estis granda porparolanto de lingvo, kiu evitas novismojn kaj klopodas efike eluzi proprajn eblojn de la Esperanta vortprovizo. Siajn principojn li klarigis profunde kaj polemike, interalie per psikologiaj eltrovoj, en la libro "La bona lingvo" (1989; 2-a eld. 1997) kaj li aplikis ilin tute, precipe en facillingvaj rakontoj por "Kontakto" en la 90-aj jaroj kaj en didaktike verkitaj romanetoj por komencantoj. Eksterordinare furora fariĝis la krimromaneto "Gerda malaperis" (1983), multfoje represita kaj vendita en miloj da ekzempleroj. La kantokasedo "Frandu piron" (1982) atestas pri lia spriteco kaj multflankeco.

Claude Piron famiĝis ankaŭ kiel unu el la plej elstaraj kaj vervaj pledantoj por Esperanto kiel solvo de la lingva problemo en la internacia komunikado. Krom en Esperanto-aranĝoj, i.a. dufoje en la Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA, li faris sennombrajn prelegojn antaŭ neesperantista publiko, i.a. en seminario ĉe Unesko (1986) kaj dum studotago en la Eŭropa Parlamento (1993), kie li traktis la psikologian reziston al la pristudo de lingva komunikado. Li publikigis diverslingve multajn artikolojn pri internacia kaj interkultura komunikado. Por la serio de Esperanto-dokumentoj li verkis plurajn kajerojn, i.a. "Esperanto: ĉu eŭropa aŭ azia lingvo?" (1977) kaj "Psikologiaj reagoj al Esperanto" (1988). Lia ĉefverko ĉi-kampe estas la franclingva libro "Le défi des langues" (La defio de la lingvoj, 1994), psikanalizo de la internacia komunikado kaj



priskribo de Esperanto kiel reale funkcianta lingvo.

Universala Esperanto-Asocio aljuĝis al Claude Piron du el siaj plej gravaj distingoj. En 1994 li ricevis la Premion "Onisaburo Deguĉi" pro sia kontribuo al la antaŭenigo de internacia amikeco per Esperanto. En 1998 li fariĝis Honora Membro de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ESPERANTO EN INTERRETO. ĈU KRIZO?

Kelkaj personoj konstatas, ke Interreto donis al Esperanto la "duan vivon". Vere dank' al ĝiaj konstante evoluantaj teknologioj esperantistoj de la tuta mondo ekhavis grandegajn eblojn de interkomunikado.

Tamen estas videble, ke nuntempaj esperantistaj projektoj en Interreto estas plejparte "amatorecaj" kaj uzas teknologiojn, alirojn kaj konceptojn de ankoraŭ la 20-a jarcento, kiu finiĝis antaŭ sep jaroj. Tio multoble malpligrandigas ilian allogecon por la uzantoj, kiuj povas uzi pli modernajn kaj amasajn servojn en la gepatra aŭ la angla lingvo.

Kial tio okazas? La plej ĉefa kaj baza kialo estas, ke grandaj kaj strategiaj esperantistaj organizoj ne reprezentas sin serioze en Interreto kaj ne estas interesataj krei grandajn interretajn projektojn. Ĉefe, kompreneble, temas pri UEA, ĉar ĝi ŝajne devas esti la plej granda kaj agipova organizo. Tamen kadre de la lastaj evoluoj aperas multaj duboj pri tio, ĉar eĉ la ĉefa paĝaro de UEA uzas teknologiojn de la 90-j jaroj de la 20-a jarcento kaj, se kredi al la lasta artikolo pri tiu ĉi temo en "Libera Folio", eĉ tia paĝaro povus manki, se ne aperus A.Grigorjevskij, kiu evoluigis ĝin "en la kuirejo". Laboro de Andreo estas vere laŭdinda, sed unu pesono ne povas antaŭvidi ĉiujn nuancojn kaj plenumi taskojn de kelkaj spertuloj, kiuj okupiĝas pri diversaj aspektoj de retejkreado.

Rezulte de tio restas nur unuopuloj kaj malgrandaj grupoj (ekz. E@I), kiuj agas por Esperanto en Interreto. La sola sukcesa kaj laŭdinda projekto de E@I estas <lernu.net>, sed eĉ ĝi jam bezonas globalajn teknologiajn ŝanĝojn. Fakte E@I estas "nia ĉio" – la plej signifaj projektoj baziĝas sur ĝia servilo, kaj en la nuntempa situacio ekzisto de Esperanto en Interreto preskaŭ plene dependas de tiu ĉi organizo. Lastatempe aperis kelkaj projektoj gravaj laŭkoncepte: <amikumu.com>, <klaku.net> k.s. Sed ili estas kreitaj de entuziasmuloj kaj ne povos kreski nivele, se ne estos subtenataj laborforte aŭ finance.

Do la nuna stato de esperantistaj interretaj projektoj estas proksima al la kriza, kaj se en tre baldaŭa estonto ne aperos iuj novaj seriozaj projektoj aŭ ne estos evoluigitaj la jam ekzistantaj, Esperanto en Interreto venos al katastrofo, kio kompreneble forte batos esperantistan movadon entute.

Nun oni ofte diras tiel: post kvin jaroj restos du tipoj de organizoj kaj movadoj – tiuj, kiuj estas en Interreto, kaj tiuj, kiuj ne ekzistas ĝenerale.

***Dmitrij Ŝevĉenko (Moskvo)***

**P.S.:** *En Interreto okazas longa diskuto pri tiu ĉi temo, parto de kiu estas ĉi tie: <http://retumanto.com/eo/opinio/krizo>.*

## REU-MEMBROJ POR 2008

### DUMVIVAJ MEMBROJ

*Abolskaja Meri (Sankt-Peterburg), Aĥmet Gulnara (Kazaĥio), Andrjuŝkin Igorj (Moskvo), Aroloviĉ Viktor (Moskvo), Belov Aleksandr (Leningrada reg.), Berdiŝev Viljam (Moskvo), Bronov Sergej (Krasnojarsk), Ciganov Oleg (Sankt-Peterburg), Cvetkova Valerija (Sankt-Peterburg), Ĉerenkova Larisa (Rjazana reg.), Ĉertilov Miĥail (Moskva reg.), Derevjanniĥ Sergej (Moskva reg.), Diesjatz (San Marino), Gluĥov Aleksandr (Kaliningrad), Gluŝik Vladimir (Ukrainio), Gnedaŝ Nikolaj (Krasnodara reg.), Gonĉarova Irina (Moskva reg.), Grigorenko Vasilij (Ukrainio), Griŝin Nikolaj (Latvio), Gudskov Nikolaj (Moskvo), Jakovlev Jurij (Pskova reg.), Ĵuravljov Aleksej (Krasnojarsk), Karcev Jurij (Uljanovsk), Kauc Valdemar (Estonio), Kokolija Georgij (Moskvo), Kolganov Andrej (Usono), Kolker Boris (Usono), Kozin Igorj (Vologda), Kurolap Zinovij (Kanado), Kuznecov Sergej (Moskvo), Laskina Marina (Tula reg.), Lipec Vladimir (Moskvo), Medvedev Lev (Moskvo), Melnikov Valentin (Moskvo), Miĥajlov Nikolaj (Leningrada reg.), Paseĉnikov Jurij (Tomsk), Pikov Gennadij (Novosibirsk), Pogorelaja Svetlana (Ukrainio), Roganova Rimma (Perma reg.), Salomatov Aleksej (Moskvo), Sapoĵnikov Aleksandr (Ivanova reg.), Seguru Valentin (Moskva reg.), Sidorov Anatolij (Sankt-Peterburg), Ŝapoŝnikova Larisa (Arĥangeljsk), Tjuljaĥov Spartak (Jakutio), Tujakin Georgij (Moskvo), Voloŝin Vjaĉeslav (Ulan-Ude), Vulfoviĉ Lev (Germanio), Zozulja Boris (Rostov-na-Donu)*

### INDIVIDUAJ MEMBROJ

*Alikin Viktor (Permj), Badertdinov Mansur (Nabereĵnije Ĉelni), Bojĉin Jevgenij (Birobiĝan), Bolŝakov Roman (Moskvo), Ĉaldajev Viktor (Altaja reg.), Ĉerneckij Nikolaj (Jaroslava reg.), Ĉupin Bronislav (Iĵevsk), Demĉenko Jevgenij (Brjansk), Djomuŝkina Nina (Leningrada reg.), Gonĉarov Anatolij (Krasnojarska reg.*), *Grigorjevskij Andrej (Ĉuvaŝio*), *Ĥomjakov Igorj (Tverj), Ivanov Vjaĉeslav (Sankt-Peterburg), Ivasenko Anatolij (Krasnodar), Jenken Boris (Moskvo), Kandalinskij Viktor (Leningrada reg.*), *Kaznaĉejeva Natalja (Krasnodara reg.*), *Kitajkin Ivan (Ĉuvaŝio), Kivajev Jurij (Mari El), Konjaŝova Svetlana (Ĥabarovska reg.*), *Kononenko Jevgenij (Toljatti), Koot Rudi (Nederlando), Kuljkov Jevgenij (Vladimir), Laptev Viktor (Ĉeljabinsk), Loŝmanov Anton (Komsomoljsk-na-Amure), Makarenko Valerij (Tverj), Melnikov Aleksandr (Rostov-na-Donu), Merkulov Vladimir (Moskvo), Minin Vladimir (Tomsk), Neĉajev Nikolaj (Irkutsk), Odincov Aleksej (Permj), Opletajev Vladimir (Surgut), Osokin Aleksandr (Sankt-Peterburg), Rjabĉun Valentina (Moskvo), Rjazancev Andrej (Murmansk), Roĵdestvenskij Vja-*

*ĉeslav (Ĉeljabinsk), Sanajeva Jelena (Perma reg.), Sibirceva Valentina (Lipecka reg.), Sipoviĉ Valerij (Moskva reg.), Solovjov Vadim (Vladimir), Strelec Sergej (Ĉeljabinsk), Sudakov Vladimir (Primorska reg.), Ŝaravina Jelena (Krasnojarsk), Tarĥan Ermita (Moskvo), Terentjeva Galina (Ĉeljabinsk), Uspenskaja Jelena (Jekaterinburg), Zueva Nina (Jelec)*

**FAMILIAJ MEMBROJ**

*Grigorjevskaja Natalja (Ĉuvaŝio), Guseva Natalja (Sankt-Peterburg), Ivanova Marina (Moskvo), Terentjev Nikolaj (Ĉeljabinsk)*

**ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ**

**E-klubo "Esperanto" (Jelec)** (12 membroj): *Gorjaĉiĥ Jekaterina, Maĉiĥina Aljona, Merenkova Tamara, Noskova Olesja, Orlov Aleksandr, Razumejkina Irina, Romanjuk Jurij, Ŝadrikova Aljbina, Veliĉko Tatjana, Zubarev Dmitrij, Zuev Vladimir Alekandroviĉ, Zuev Vladimir Vladimiroviĉ*

**Moskva E-klubo "EK-MASI"** (32 membroj): *Bliskavka Darja*, *Cobb Steve*, *Elit Ivan*, *Graĵdanova Oksana*, *Grustnjov Kirill*, *Gubina Oljga*, *Ĵitĉenko Maksim*, *Larionov Sergej*, *Laŝin Svetozar*, *Legornev Aleksej*, *Ljubuŝina Jekaterina*, *Marutenkov Pavel*, *Morozov Dmitrij*, *Naumenko Olesja*, *Nikolaeva Natalja*, *Nikonov Dmitrij*, *Orlov Sergej*, *Paramonov Andrej*, *Penjkov Andrej*, *Penjkova Julija*, *Prilepskaja Ksenija*, *Sadikov Marat*, *Samodurov Kirill*, *Sidorkova Varvara*, *Sigaĉjov Aleksandr*, *Spolvind Dmitrij*, *Vibornova Anna*, *Volkova Jekaterina*, *Zanegina Oljga*, *Zarubina Julija*, *Zatulov Sergej*, *Zatulova Marija*

**Murmanska EK "Murmano"** (16 membroj): *Cibuljskaja Ljudmila*, *Ĉernova Irina*, *Fukuŝima Rumi*, *Goriĉenko Oljga*, *Gorohova Natalja*, *Ĵeltuĥin Artemij*, *Kaljĉevskij Vjaĉeslav*, *Kazjuberda Anastasija*, *Makarov Aleksej*, *Nikiforova Aleksandra*, *Poĵilova Ljudmila*, *Ponomarenko Aljona*, *Romanova Valentina*, *Smolka Marina*, *Trubkina Nelli*, *Uljanova Galina*

**Sankt-Peterburga E-societo "Espero"** (10 membroj): *Ejst Svetlana*, *Fomina Anna*, *Jegupova Svetlana*, *Jevsejev Valerij*, *Kondratjev Boris*, *Krajuĥin Sergej*, *Luckaja Tamara*, *Ovĉinnikov Valentin*, *Smolenkin Nikolaj*, *Teluĥ Dmitrij*

**Societo "Espero" (Sankt-Peterburg)** (14 membroj): *Butkeviĉ Anna*, *Ĉalceva Vera*, *Ĥoreva Valentina*, *Kuleŝova Nadeĵda*, *Maliŝeva Jekaterina*, *Medvedeva Larisa*, *Murzina Jevgenija*, *Pautova Tatjana*, *Petrova Alevtina*, *Poloĵenskaja Ljudmila*, *Savenok Valentina*, *Skaruk Natalja*, *Stacenko Ljudmila*, *Vasiljev Vladimir*

**Esperanto-klubo "Laro" (Soĉi)** (12 membroj): *Belenjuk Galina*, *Bespalov Vladimir*, *Garibjan Sergej*, *Grankina Nadeĵda*, *Grankina Polina*, *Olejnikova Natalja*, *Poliŝĉuk Irina*, *Poliŝĉuk Valentina*, *Soniĉeva Larisa*, *Sorokin Sergej*, *Ŝestakova Marina*, *Timofejeva Lidija*

**Tjumena Esperanto-klubo** (6 membroj): *Baklickaja Ksenija*, *Borisova Tatjana*, *Golovkina Anastasija*, *Mamkin Mansur*, *Stepaĉjova Marina*, *Veselov Pavel*

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2008

**Individua kotizo** – 100 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 10 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM.

**Dumviva kotizo** – 2500 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 250 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 35 rub., por familianoj de membro paginta individuan aŭ dumvivan kotizon kaj loĝanta samadrese (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM).

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Subtenkotizoj** (ĉio sama kiel por individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – duobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 35 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 200 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 200 rub. (ekster Rusio – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

**Rabatita abono de "Komencanto" –** 180 rub. (nur en Rusio), por ĉiuj membroj.

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilon, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo kaj "Komencanto" sendu (poŝtmandate) al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. (Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <membreco@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso.)

# Eksciu, ke...

## LA SEPA TUTAMERIKA KONGRESO

Nome de la Amerika Komisiono de UEA kaj de la loka preparkomitato de la sepa TAKE ni alvokas vin aliĝi kaj partopreni la plej gravan regionan eventon de Ameriko. De la 11-a ĝis la 18-a de julio 2008 Montrealo gastigos la 7-an Tut-Amerikan Kongreson de Esperanto (TAKE), kiun ĉeestos esperantistoj ne nur el la Amerikoj. Venu kongresi en montreala etoso!

TAKE estas kongreso, iniciatita de la Amerika Komisiono de Universala Esperanto-Asocio kaj okazanta ĉiun trian jaron. La ĉi-kongresa temo estas: "Ekosistemoj, lingvoj, kulturoj: diverseco por daŭropova evoluigo en la Amerikoj". Estos planitaj prelegoj pri tiu temo. Krom tio estos, interalie, spektakloj, ekskursoj tra la urbo kaj bankedo. Samtempe kun TAKE okazos la jara renkontiĝo de "Esperanto-USA". Ni esperas bonvenigi inter 100 kaj 200 partoprenantojn.

Aliaj informoj troveblas ĉe la ttt-ejo <www.take7.ca>. Kontaktadreso <informo@take7.ca>.

***Maritza Gutiérrez (Kubo)***

## LA 5-A NASKIĜTAGO DE "LERNU"

Antaŭ kvin jaroj, la 21-an de decembro 2002, lanĉiĝis <www.lernu.net>, la retpaĝaro por lernado de Esperanto kaj informiĝo pri ĝi. Tiam ĝi enhavis enkondukon, bazajn gramatikklarigojn, tri kursojn, etan bibliotekon, vortaron, babililon kaj ne multon pli. La enhavo estis havebla en sep lingvoj.

Dum la lastaj kvin jaroj la paĝaro kreskis kaj multo ŝanĝiĝis, sed la bazaj celo kaj ideo restis samaj – senpage helpi al ĉiuj retuzantoj en la mondo lerni kaj ekuzi Esperanton laŭeble facile kaj rapide. Ke ĝi almenaŭ parte atingas tiun celon, montras la faktoj ke inter la plej aktivaj projekt-kunlaborantoj troviĝas tiuj kiuj mem lernis la lingvon per "lernu!" kaj ke apenaŭ eblas partopreni en iu Esperanto-aranĝo sen renkonti novulojn kiujn "lernu!" venigis al la movado (se vi ne jam spertis tion, demandu venontfoje kelkajn komencintojn, kiel ili lernis Esperanton).

<lernu!> nun havas pli ol 100 000 vizitojn monate, iom pli ol 43 000 registritajn uzantojn (185 registriĝis dum 2002, 3 684 dum 2003, 6 505 dum 2004, 7 671 dum 2005, 9 822 dum 2006 kaj pli ol 15 500 dum 2007) kaj kelkajn dekojn da helpantoj kiuj tradukas la paĝaron, lingve helpas uzantojn, plibonigas vortarojn, kontribuas enhavon, testas, programas, komentas kaj en multaj aliaj manieroj certigas ke la projekto prosperas kaj evoluas. La nombro de malsamaj paĝoj en la paĝaro kalkuliĝas je miloj, kaj la nombro de lingvoj en kiuj ĝi haveblas estas pli ol 30 kaj daŭre kreskas! 15 kompletaj kursoj kaj partoj de du pliaj kovras tre malsamajn nivelojn kaj metodojn de perreta lingvoinstruado.

Kruko: Mi aŭdis ke konata restoracîĉeno baldaŭ lanĉos novan rapidvoran manĝejon en la Internacia Kosmostacio.
Baniko: Ĉu vere? Ĉu ni povos manĝi hamburgerojn kaj terpomfritaĵojn en la kosma spaco?
Kruko: Jes ja! Kaj ili garantias, ke ni ne plipeziĝos!

***(esperanto-anekdotoj)***

Krom kursoj kaj pure instrua materialo, kiel diversnivelaj gramatikoj, ekzercoj, testoj kaj ekzamenoj, ĉe <lernu!> ekzistas pluraj iloj por uzado de la lingvo kaj komunikado, ekzemple mesaĝsistemo, bildokartoj, forumoj, virtuala klasĉambro, tujmesaĝilo kaj biblioteko kun ekzemploj de originala kaj tradukita literaturo, artikoloj el 13 malsamaj gazetoj, tekstoj pri la lingvohistorio kaj la movado, kolekteto de Esperanto-muziko, filmoj, ŝercoj kaj Zamenhofa proverbaro. Enhavon de kursoj kaj ekzamenoj kontrolas la Akademio de Esperanto, kaj unu el akademianoj estas en la kerna teamo de la projekto.

Pli detalajn informojn okaze de ĉi tiu ĝojiga jubileo kun fotoj, bildoj kaj ligiloj, vi trovos ĉe <http://eo.lernu.net/pri_lernu/informiloj/artikolo.php>. Por ke la projekto plu evoluu same vigle kiel ĝis nun, helpo ĉiam estas bezonata kaj bonvena. Se vi ŝatus iel helpi, ĉu praktike, ĉu finance, vi trovos ĉe <http://eo.lernu.net/pri_lernu/subteno/index.php> la necesajn informojn. Krome vi estas ĉiam bonvena kontakti nin ĉe <teamo@lernu.net>!

Laste, sed ne malplej grave, grandan dankon al ĉiuj diversspecaj helpantoj, individuoj kaj organizoj, kiuj kunlaboris pri la projekto dum la lastaj kvin jaroj kaj eĉ pli longe! Sen ili <lernu!> ne estus tio kio ĝi estas hodiaŭ. Apartan dankon al ESF, por granda financa subteno, kaj al E@I, por konstanta kaj diversmaniera praktika subteno.

Amike, ĝoje kaj danke salutas

***la teamo de <lernu!>***

## NOVA ESPERANTO-CENTRO EN BUDAPEŜTO

La 20-an de novembro 2007 en Budapeŝto estis inaŭgurita nova, moderna Esperanto-Centro de "Eventoj"!

La nova sidejo servas kiel hejmo por la Esperanto-Lingvolernejo de Lingvo-Studio, por la E-organizaĵo "Kultura E-Asocio ĉe Eventoj", kaj ankaŭ la hungara junulara E-organizajo (HEJ) trovis ĉi tie sian novan bazejon.

La nova centro havas areon 114 $m^2$, kiu inkluzivas 3 komplekse ekipitajn salonojn, te-kuirejon kaj organizan oficejon, uzeblan kiel kursejo kaj/aŭ programejo por movadaj kunvenoj: aŭdo-videaj sistemoj, projektilo, komputiloj, interreta konekto helpas la Esperantajn organizajn aferojn.

La novan centron en malvasta, interna rondo inaŭguris la 20-an de novembro Szilvási László, prezidanto de Kultura E-Asocio (iama ĉefredaktoro de "Eventoj"). En la festo ni dankis ĉiujn helpantojn, niajn kunlaborantojn, dankis la brilajn kaj elstarajn sukcesojn al niaj instruistoj, kaj gvidantoj de HEJ ĉi tie diris publikan dankon al la fondintoj kaj mecenantoj de "Premio Melinda", al la gepatroj de Szekeres Melinda.

La nova ejo certigas idealan lokon por plej diversaj kunvenoj, prelegoj, konfer-

encoj aŭ aliaj diversaj Esperantaj programeroj.

Ĉe la retpaĝo <http://www.esperanto.hu> (la parto “aktualaj novaĵoj”) estas videbla mallonga fotokompilaĵo pri la ejo kaj pri la inaŭguro.

En la nova ejo nun en vesperoj funkcias la lingvolernejo, deĵorado pri movadaj aferoj okazas laŭbezone. Kontaktaj telefono: +36-1-2828885 (en alia oficejo de “Eventoj”) kaj retadreso: <szilvasi@eventoj.hu>.

***(esper-inform)***

## “LOdE” ELEKTIS LA ESPERANTISTON DE LA JARO

Sendependa internacia magazino “La Ondo de Esperanto” iniciatis en 1998 ĉiujaran proklamon de la Esperantisto de la Jaro. Kiel la unua laŭreato en 1998 estis elektita William Auld. En 1999 lin sekvis Kep Enderby. En 2000 estis distingitaj tri personoj: Hans Bakker, Mauro La Torre kaj Jouko Lindstedt. Poste laŭreatiĝis Osmo Buller (2001), Michel Duc Goninaz (2002), Dafydd ap Fergus (2003), Helmar Frank (2004), Povilas Jegorovas (2005), Bertilo Wennergren (2006).

Ĉi-jare estis proponitaj 20 personoj, al kiuj la elektantoj povis doni siajn voĉojn. La rezulto de la voĉdonado: Peter Zilvar 5 voĉoj; Ilona Koutny, Andreas Künzli – po 4 voĉoj; Renato Corsetti, Probal Dasgupta – po 3 voĉoj; Peter Balaz, Kalle Kniivilä, Katalin Kovats, Paul Peeraerts, Baldur Ragnarsson – po 2 voĉoj. Kvin kandidatoj ricevis po unu voĉon. Kvin proponitoj ne ricevis voĉojn.

Germana esperantisto Peter Zilvar, prezidanto de Esperanto-Societo Sudharz, gvidanto de la Germana Esperanto-Centro en Herzberg, estas proklamita la Esperantisto de la Jaro 2007 pro diversflanka agado por kaj per Esperanto en Herzberg – la Esperanto-urbo. Lia agado estis intensa ankaŭ en 2007: serio de altnivelaj seminarioj kaj ekzamen-sesioj, starigo de novaj ZEOj, imitinda loka informado pri Esperanto, evoluigo de kunlaboro inter Herzberg kaj Gora (Pollando) k.a.

Intervjuo kun la laŭreato aperos en la februara kajero de “La Ondo de Esperanto”. Pliajn informojn pri la projekto kaj intervjuojn kun ĉiuj antaŭaj laŭreatoj legu rete ĉe <http://www.esperanto.org/Ondo/Ind-jaro.htm>.

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

Du judaj komercistoj, Ajzik kaj Ĥajim, veturas kune per ĉaro. Kiam ili trapasas arbaron subite aperas rabisto, akcelas la pistoleton al ili kaj krias: “Monon aŭ morton!”.

La komercistoj tuj elpoŝigas siajn monujojn per tremantaj manoj. Subite Ajzik turnas sin al sia amiko: “Ĥajim, mi ĵus rememoris, ke mi ŝuldas al vi 500 rublojn! Jen la mono, prenu ĝin! Tiu estimata sinjoro estos la atestanto, ke mi redonis al vi la monon. Nun ni estas kvitaj, ĉu ne?”.

***juda anekdoto de Josef Shemer***

## “NI VIN INVITAS AL VESPERMANĜO...”

Proksimume tiel nomiĝas nun sufiĉe populara televid-elsendo, kiu ĉiuvespere estas demonstrata per kelkaj ukrainiaj TV-kanaloj (simila elsendo ekzistas ankaŭ en la rusia televido). Foje antaŭ nelonge ĝin partoprenis ankaŭ esperantisto – bone konata al multaj Mikaelo Lineckij. Memkompreneble, lia ĉefa celo estis ne gajni

ian premion, sed denove reklami la Lingvon Internacian, kion li perfekte faris. Preparinte diversajn pladojn, li donis al tiuj Esperanto-nomojn. Kaj krome, la tutan vesperon li konstante revenadis al diversaj momentoj, ligitaj kun Esperanto.

***Dmitrij Cibulevskij (Ukrainio)***

## NOVJARA RONDODANCO

La 6-an de januaro en la Palaco de Libroj (kie kunvenas nia E-klubo) en Uljanovsk renkontiĝis dezirantoj por festi Novan Jaron. Ĉeestis 12 personoj, inter ili kelkaj komencantoj. Komence ni ornamis malgrandan plastan abieton per globetoj, strobiloj, brilaĵoj k.t.p., nomante ĉiun ornamaĵon Esperante. La renkontiĝon daŭrigis la fama kanto "Abieto" en komuna plenumo. Studis tiun kanton kun komencantoj Sergej Abramov, kiu ludis la rolon de Avo Frosto.

Por elekti Neĝulinon ĉiu partoprenantino devis ripeti la langrompilon "Tri tre drinkemaj fratoj trafis truon de l' trotuaro". Tion sukcesis dum la plej mallonga tempo Olga Sirotinina. Avo Frosto kaj Neĝulino gvidis novjaran rondodancon ĉirkaŭ granda abio en la Festa halo de la Palaco. Poste ĉiuj partoprenis gajan stafetkuradon por du teamoj. Ni uzis ludon, proponitan de Tatjana Vŝivceva en la revuo "Komencanto". Venkis la teamo de Avo Frosto.



Dum la tradicia tetrinkado oni rakontis pri siaj feriaj impresoj kaj priparolis eblojn por partopreni aranĝojn de REU en la jaro 2008.

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## 10-a INTERNACIA FOTOKONKURSO

La "Ondo de Esperanto" organizis en 2007 la dekan Internacian Fotokonkurson. Partoprenis 61 fotoverkoj de 18 fotoaŭtoroj el Aŭstrio, Brazilo, Britio, Germanio, Italio, Japanio, Litovio, Pollando, Ruslando kaj Serbio.

La 11-an de januaro 2008 la juĝkomisiono (Andrej Budnik, Aleksander Korĵenkov, Maria Sokolova) anoncis la rezulton:

1-a premio (50 eŭroj kaj abono de "La Ondo de Esperanto") – Barbara Chodera (Pollando).

2-a premio (25 eŭroj kaj abono de LOdE) – Katia Miyashiro (Brazilo).

3-a premio (abono de LOdE) – Gediminas Kazlauskas (Litovio) pro "Reveno al la hejmo", Paulo Sergio Viana (Brazilo) pro "Libro: vojo", Gianfranco Vignando

(Italio) pro “Portiko kaj domo en malnova itala vilageto”.

Laŭdaj mencioj: Nebojŝa Stankoviĉ (Serbio) pro “Konsterno-3”, Gediminas Kazlauskas (Litovio) pro “Espero vivi”, Lilija Burgar (Ruslando) pro “So-so-somero”, Mathias Bethmann (Germanio) pro “Vizito de vespo”.

Speciala premio (50 eŭroj kaj abono de LOdE) pro la plej bona foto pri la temo “Festo” – Shoko Sakaeda (Japanio) pro “Danco de ardeoj”. Laŭdaj mencioj: Katia Miyashiro (Brazilo), Aneta Małgorzata Będkowska (Britio) pro “Aŝura-festo”.

Laŭ la regularo de la konkurso, la organizantoj gis la 31-a de decembro 2009 havas ekskluzivan rajton uzi ĉiujn ricevitajn fotojn en papera kaj elektronika formoj kaj en ekspozicioj.

***Halina Gorecka, sekretario de la konkurso***

## IJK EN HUNGARIO

La plej granda junulara Esperanto-aranĝo ĉi-jare denove okazos en Hungario!

Laŭ la onidira famo hungariaj IJK-oj apartenas al la plej bonetosaj junularaj renkontiĝoj. Multaj memoras ankoraŭ IJK-on en Debrecen en 1983, kiam la ĝis nun plej fama Esperanta muzik-grupo “Amplifiki” iĝis furor-sukcesa, kaj tiun en Veszprém en 1999 kun la suneklipso (kaj la reviva koncerto de Amplifiki).

La nuna IJK okazos en la urbo Szombathely, proksima al la aŭstria landlimo, kaj por multaj certe estos imprese viziti la restaĵojn de la iama vere ekzistinta “fera kurteno”. Por IJK oni antaŭvidas plurcent partoprenantojn, ja la nombro de aliĝintoj jam nun superas 150! Pliaj detaloj kaj kongresaj informoj haveblas ĉe <http://esperanto.net/ijk2008/>.

***(landa agado)***

## KANDIDATOJ POR LA PREMIO “ADA SIKORSKA” SERĈATAJ

La lokaj, naciaj, internaciaj kaj fakaj Esperanto-Asocioj, same kiel la individuaj esperantistoj en la tuta mondo estas petataj proponi kandidatojn por la Premio “Ada Sikorska”, aljuĝota en Salou dum la 16-a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo, la 4-an – 11-an de oktobro 2008 (detalojn pri la aranĝo vidu ĉe <http://personales.ya.com/semajno>).

La Premio estis kreita antaŭ tri jaroj memore al Ada Sikorska, kiu sindediĉe dum 34 jaroj laboris por Esperanto kaj ĝis sia morto redaktis la tiam sendependan gazeton “Heroldo de Esperanto”. La Premio estas destinita al esperantistoj, kiuj aparte distingiĝis pro sia valora kaj meritplena agado favore al la Internacia Lingvo Esperanto.

La Premio konsistos el diplomo kaj medalo, sur kiu, krom la nomo de la Internacia Esperanto-Semajno, aperos reliefa bildo de Ada Sikorska kaj dorse – la gravurita nomo de la premiito, dato kaj loko de la Semajno.

La proponoj atingu la prezidanton de la Premia Komitato antaŭ la 15-an de aŭgusto 2008. Sendu al *G.C.Fighiera, Via Sandre 15, 10078 Venaria Reale (To) Italio* aŭ rete al <giancarlo.fighiera@libero.it>.

## LITERATURA KONKURSO "LIRO-2007"

La juĝkomisiono de la tradicia literatura konkurso "Liro-2007", organizita de "La Ondo de Esperanto", ricevis 24 konkursaĵojn de 20 aŭtoroj el 7 landoj – Britio, Burundio, Francio, Irlando, Pollando, Ruslando, Ukrainio.

La rezulto de "Liro-2007":

*Originala prozo:* **Paul Gubbins** (Britio) pro "La sanktejo"; laŭda mencio – **Miĥail Korotkov** (Ruslando) pro "Reveno de rezidento".

*Originala poezio:* **Hasano Ntahonsigaye** (Burundio) pro "La homo, kiu vin similas"; laŭda mencio – **Paŭlo Moĵajev** (Ukrainio) pro "Simpla rimaĵo".

*Traduka poezio* (Poemoj de Saŝa Ĉjornij): **Sergej Tiĥonov** (Ruslando) pro "Plastiko"; laŭda mencio – **Mikaelo Bronŝtejn** (Ruslando) pro "La dieto", "Horora historio" kaj "Oranĝo".

*Traduka prozo el la rusa lingvo* ("Aptekarŝa" de Anton Ĉeĥov): **Anna kaj Mati Pentus** (Ruslando); laŭda mencio – **Miĥail Povorin** (Ruslando).

*Traduka prozo el la angla lingvo* ("Eveline" de James Joyce): **Russ Williams** (Pollando); laŭda mencio – **Jack Warren** (Britio).

Gratulon al la laŭreatoj! Dankon al la partoprenintoj!

Pliajn informojn pri "Liro" legu en la retejo de "La Ondo de Esperanto" <http://www.esperanto.org/Ondo/>.

***Halina Gorecka, sekretario de "Liro"***

## JAPANAĴOJ FURORIS EN JOKOHAMO

Pro longdaŭra mara reventransporto el Jokohamo la Libroservo de UEA povis inventari la vendojn dum la 92-a UK pli malfrue ol en la jaroj, kiam la UK okazas en Eŭropo. Ĉi-sube estas aparte listigitaj 21 plej furoraj libroj kaj 4 diskoj. Inter la plej furoraj libroj ĉiujare estas kelkaj kongreslandaj eldonaĵoj, sed ĉi-foje ili okupas eĉ pli ol duonon, 13 el 21, kio evidente respegulas la fakton, ke pli ol duono de la kongresanoj estis japanoj, sed ankaŭ la viglecon de la Esperanta eldonado en Japanio. Ĉe la pinto de la statistiko tamen staras prelegaro de la Jokohama sesio de la Internacia Kongresa Universitato. Viglan lanĉon spertis du novaĵoj, la reeldonita klasikaĵo "Vivo de Zamenhof" de Edmond Privat kaj la moderna ĉina-japana-korea historio, "Historio por malfermi estontecon", same kiel la japana versio de "Esperanto per rekta metodo" de Stano Marĉek. Entute la Libroservo de UEA vendis dum UK librojn k.a. varojn por 31042 eŭroj.

**Libroj:**

1. "Internacia Kongresa Universitato 2007" (red. Amri Wandel), 88 ekz.

2. “Vivo de Zamenhof” (Edmond Privat, red. Ulrich Lins), 75 ekz.
3. “Historio por malfermi estontecon” (Kolektivo), 74 ekz.
4. “Tyokusetuhou de manabu esuperanto nyuumo” (Stano Marĉek), 72 ekz.
5. “Japanio kalejdoskope”, 67 ekz.
6. “Nova kurso de Esperanta interparolo” (Takeuti Yosikazu), 43 ekz.
7-8. “Vojaĝo en Esperanto-lando” (Boris Kolker), 28 ekz.
7-8. “Uiriamu-Oorudo-Sisyû” (William Auld, trad. Usui Hiroyuki), 28 ekz.
9. “Esperanto per rekta metodo” (Stano Marĉek), 27 ekz.
10. “Rusoj loĝas en Rusujo” (red. Anna Löwenstein), 23 ekz.
11-12. “Vivoj tra la mondo” (red. Hori Yasuo), 22 ekz.
11-12. “Japana-Esperanta vortaro” (Hirokazu Kaĵi), 22 ekz.
13. “Esperanto tiel parolata” (Tacuo Huĝimoto), 21 ekz.
14-15. “Nokto de la Galaksia Fervojo” (Miyazawa Kenzi), 20 ekz.
14-15. “Invito al Internacia Lingvo Esperanto” (red. Hori Yasuo), 20 ekz.
16. “Vikipedio praktika manlibro” (red. Yves Nevelsteen), 18 ekz.
17-21. “Esperanto-japana vortaro”, 15 ekz.
17-21. “Mil unuaj vortoj en Esperanto” (H.Amery, S.Cartwright), 15 ekz.
17-21. “Nova vortaro Esperanto-japana” (Joŝicugu Okamoto), 15 ekz.
17-21. “Ekzercu vin en bazaj vortoj!” (Tani Hiroyuki), 15 ekz.
17-21. “Bekkurso” (Dennis Edward Keefe), 15 ekz.

**Diskoj:**

1. “Esperanto elektronike” (DVD), 26 ekz.
2. “Kantu kune!” (Asorti; KD), 22 ekz.
3. “Internacia lingvo” (Daniel Haddad; KD), 15 ekz.
4. “Bekumaĵoj 500” (Dennis Keefe; KD), 14 ekz.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## RUMANA ĈEFVERKO EN LA SERIO “ORIENTO-OKCIDENTO”

En la jaro 2007 oni festis la 100-an datrevenon de la naskiĝo de unu el la plej konataj rumanoj, la verkisto Mircea Eliade (1907-1986). Konata en la tuta mondo precipe kiel religihistoriisto kaj filozofo, li estis ankaŭ prozverkisto. Okaze de lia jubileo aperis ĉe la eldonejo “Bero” unu el liaj plej famaj romanoj, “Fraŭlino Maitreyi”, esperantigita de Ionel Onet.

“Fraŭlino Maitreyi” estas la unua verko el la rumana literaturo en la Serio “Oriento-Okcidento” (n-ro 43), aŭspiciata de Universala Esperanto-Asocio. Tiu ĉi romano pri amo inter eŭropa junulo kaj bengala knabino estas eksterordinare taŭga aldono al la serio, ĉar ĝi priskribas konflikton inter orientaj kaj okcidentaj kulturoj, religioj, kutimoj kaj tabuoj, kaj ĝia aŭtoro mem vivis en multaj landoj kaj diversaj kulturoj. Eseaj antaŭparoloj de la prezidanto de UEA Probal Dasgupta kaj la gvida rumana literaturisto Constantin Cublesan profunde prilumas la kulturan kaj historian fonon de la verko, kiu antaŭe jam estis tradukita al multaj lingvoj kaj ankaŭ filmita de la franca reĝisoro Nicolas Klotz.

La 200-paĝa libro estas mendebla ĉe la Libroservo de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

*Kiel vi povis legi en la antaŭa numero de REGo, jam aperis E-lernolibro "2055: Автостоп в космосе" (2055: Petveturado en la kosmo), verkita de Andrej Grigorjevskij en formo de kosmaj aventuroj. Antaŭ apero en libra formo la lernolibro estis sukcese uzita en retaj E-kursoj kaj havis tre pozitivajn pritaksojn. Nuntempe Andrej verkas alian lernolibron, same en la formo de fantastaj aventuroj, surbaze de la fama verko de fratoj Strugackij "Lundo ekas sabate". Jam nun legantoj de REGo povas konatiĝi kun ĉapitroj el estonta lernolibro.*

---

# Эсперанто изучается в субботу

***(по мотивам сказочной повести А. и Б. Стругацких "Понедельник начинается в субботу")***

## Глава 3

(*Краткое содержание предыдущих серий: Александр Привалов работает в Научно-исследовательском институте чародейства и волшебства – НИИЧАВО. Для повышения квалификации волшебников в институте организуются курсы эсперанто. Александр принимает участие в ознакомительном занятии.*)

– По мнению многих исследователей, – продолжала Натали, – вербальные формулы заклинаний являются не главными, но очень важными элементами волшебства. Это матрица, позволяющая сфокусировать внимание и силу воли. У каждого языка есть свой дух, своя аура, связанная с его историей, с людьми, которые на нем говорили и творили.

Поэтому латынь так хороша для заклинаний, связанных с превращением веществ, для выведывания тайн и связей с потусторонними силами и, вообще, черной магии.

Древнеегипетский позволяет создавать наиболее мощные строительные заклятия, поднимать могучие бури, эффективно осушать почвы и вызывать дожди.

Санскрит очень хорош для раскрытия внутренних резервов человека, для левитации, оживления мертвых и тому подобного.

Старославянский не имеет себе равных для работы с экологией лесостепной зоны, управления флорой и фауной.

Что же касается эсперанто, то это юный язык без «кармического груза». В его ауре нет темных пятен, оставленных кровью и насилием. На нем почти всегда говорили и говорят о хорошем. Говорят друзья или с целью познакомиться и подружиться. Поэтому совершить доброе дело при помощи магии на эсперанто заметно легче, чем на любом другом языке. Это идеальный язык для белой магии.

Натали взмахнула волшебной палочкой, и на столе президиума появился горшок, в котором росла одинокая ромашка высотой где-то сантиметров в десять.

– Floro! Цветок, – сказала Натали. – Ĝi (дьжи) estas floro. Оно есть цветок.

Давайте поэкспериментируем над ним.

Натали обернулась ко мне:

– Саша, вы ведь не волшебник еще, так? Тогда давайте вместе сделаем добрую магию по отношению к этому цветку. Я сделаю нужные движения волшебной палочкой, а вы скажете вербальную формулу. Повторяйте за мной слова на эсперанто:

– Ĝi estas floro. La floro estas bona… Цветок хороший. La floro estas granda. Цветок большой.

– Ĝi estas floro… La floro estas bona… La floro estas granda, – повторил я. Ничего не изменилось. В зале раздались покашливания и перешептывания.

– Ничего страшного, Саша, просто вы думали не о цветке, а о словах, мысленно повторяя их по-русски. Теперь повторите слова, глядя на цветок и думая о нем – тоже на эсперанто.

– Ĝi estas floro, – сказал я. Floro, floro, повторил я мысленно. – La floro estas bona. La floro estas granda.

Цветок покачнулся и немного подрос. Ура! Получилось!

– Bone! – сказала Натали. – Tre bone! Очень хорошо! А теперь, раз мы уже немного научились эсперанто, можно перейти к практике…

По ее сигналу Витька Корнеев телепортировал в зал некий стеклянно-оловянно выглядящий агрегат и скормил ему очень знакомо выглядящий листочек. Точно такой же, как и тот, что лежал в моем кармане. С краткими основами эсперанто.

– Можно начинать, – удовлетворенно сказал он, – когда агрегат мелко затрясся.

## Глава 4

(*Краткое содержание предыдущих серий: Александр Привалов работает в Научно-исследовательском институте чародейства и волшебства – НИИЧАВО. Он принимает участие в ознакомительном занятии эсперанто – чтобы с помощью этого языка стать волшебником.*)

– Это конструктор вымышленной реальности, или “машина фантазии”, любезно предоставленная нам отделом абсолютного знания. Новейшая модель, – гордо сообщила Натали. – С ее помощью мы окажемся в специально созданной реальности, соответствующей заданным параметрам. То есть – изучению эсперанто.

Народ забеспокоился, потому что к творениям абсолютников в институте относились с некоторым предубеждением.

– А, скажите, – начал кто-то, – что за реа...

И в это мгновение стулья под нами ожили и мягко взмыли над полом. Раздались громкие вигзи и охи – причем и женские и мужские. Стенки конференц-зала поблекли, потолок поголубел, а паркетный пол, оставшийся внизу, покрылся какими-то зелеными буграми.

Секунд через десять окружающий мир изчез полностью. Стало немного страшно, но успокаивало то, что кругом, вцепившись в стулья, парили това-

рищи по приключению. Некоторые с побелевшими лицами, другие – с полным безразличием: мол, в этом институте и не такое видали.

Потом вокруг резко появился какой-то огромный парк, и стулья мягко опустились на траву. Парк выглядел как-то не по-нашему, скорее по-европейски. По нему гуляло множество радостно улыбающихся людей с флажками разных стран на лацканах или в руках.

Увидев нас, они прекратили беспорядочные передвижения и бросились к нам.

– Saluton! Saluton! Saluton! – зазвучало вокруг.

Меня обступило человек пять, среди которых была и симпатичная девушка с российским флажком. – Saluton! Saluton! – радостно говорили они и пожимали мне руку, похлопывали по плечу, а девушка поцеловала в щеку.

– Э-э-э, здравствуйте, – сказал я, – обращаясь прежде всего к девушке. – А что здесь происходит?

На лицах остальных отобразилось недоумение. – Li ne parolas en Esperanto! – сказал юноша с датским флажком.

– Вы не говорите на эсперанто? – с разочарованием в голосе спросила незнакомка.

– Я только начал его изучать, – постарался оправдаться я. Незнакомка просветлела лицом.

– Li parolas en Esperanto! Li studas! – объяснила она окружающим. Они тут же опять заулыбались и начали пожимать мне руку, похлопывать по плечу и приговаривать “Saluton!”. При этом их лица выражали какое-то ожидание, а некоторые даже пытались мне подмигивать.

В это время я заметил, что в парке из нашей группы остались, кажется, только я и очумелый Махорка, пытавшийся вскарабкаться на стоящее поблизости дерево.

– А где все наши? – обеспокоенно спросил я у русскоговорящей девушки.

– Да скажите же вы “здравствуйте” на эсперанто, в конце концов, – прошипела она мне.

– Saluton? – неуверенно сказал я и мир вокруг меня стал растворяться. Что-то сильно ударило под коленки, и я оказался сидящим на стуле. Стул взлетел.

Через минуту я и стул приземлились на обширном зеленом поле. Здесь тоже толклась масса народу – в том числе и знакомые по изучению эсперанто. Но в целом местность напоминала зоопарк без клеток.

Как только я встал со своего транспортного стула, ко мне подбежала симпатичная белая лошадь. На ее боку крупными красивыми буквами было написано “Ĉevalo”.

– Saluton, – вежливо сказала лошадь. – Mi estas ĉevalo. Kiu vi estas?

– Mi estas ĉevalo, – тупо сказал я. Лошадь выглядела немного удивленной.

– Ĉu vi estas ĉevalo? (Вы – лошадь?) – переспросила она.

– Mi estas Saŝa, – поправился я.

– Bone. Ĝis revido (До свидания), – вежливо попрощалась лошадь и убе-

жала.

Затем ко мне подбегал поздороваться заяц (с надписью “Leporo”), подползал мрачный, но смирный крокодил (“Krokodilo”), подходил познакомиться гиппопотам (“Hipopotamo”) и, наконец, меня посетил слон. Он назывался “Elefanto”.

Не успели мы со слоном обменяться заученными фразами, как прямо между нами материализовался стул с Махоркой. С криком “Saluton!” он соскочил со стула и бросился улепетывать. За ним устремилась белая “ĉevalo”. Насколько я видел, шансов, что она его быстро догонит, было мало.

---

# Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)

## *Vintra nokto*

Nokto malfrua helas
Eĉ sen lanternaj lumoj.
Altoj nenie stelas
Dorme en gelbrakumoj.

Vintro. La neĝo kuŝas
Dense kaj ĉiuflanke.
Vasta purec’ kortuŝas,
Vojoj fidindas blanke.

Neĝ’, neĝamas’, neĝaro
Ankaŭ sen lum’ defendas.
Noktoj de januaro
Pacan kvieton sendas.

Vilas ursecaj garboj
De neĝaj dunoj novaj.
Prujne lanugas arboj
En la dormad’ senmovaj.

Vintro. La nokto blankas
En la silenta ĉio.
Lacaj okuloj dankas
Ravon de la Noktio.

Kruko estas en librovendejo. Li elektas la verkon “Plibonigu vian memorkapablon”. La kasisto demandas: “Sed ĉu ne vi aĉetis tiun libron hieraŭ?”
***(esperanto-anekdotoj)***